# REGo

 **RUSIA ESPERANTO-GAZETO** 

***komuna eldono de REU kaj REJM*** ***№ 1 (3) februaro 2001***




*en la numero:*

*"Kelkaj ŝtonetoj..." de Mikaelo Bronŝtejn (daŭrigo)*
*rakontoj kaj impresoj pri NEBo kaj ISo*
*"Kial oni venas al E-movado kaj kial restas?" de Andrej Grigorjevskij*
*la programoj kaj kotizoj por REK-20 kaj EoLA-13*
*"Bulteno de REU" kaj "REJM-info"*
*"Libra revuo" kaj literaturaj paĝoj*
*interesaj informoj, novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

***Moskvo, 2001***

# maltaŭgaj pensoj: На фига козе баян?

# (Por kio kaprino bezonas harmonikon?)

Diletanteco -
spirita stato de tiu, kiu serĉas nur sian plezuron en la sciencaj aŭ artaj okupoj, neniel celante veron aŭ ĝeneralan utilon.
P.I.V. p.190

La Fina Venko neniam okazos. Almenaŭ en Rusio. Povas esti en la tuta mondo ĝi iam finfine okazos, sed nia lando ĝin nepre evitos. Kaj tio okazos ne laŭ kaprico de la Sorto, sed ĉar ni ne bezonas ĝin.

Kiel diris estimata Partos: "Mi batalas ĉar mi batalas". Rilate al rusia E-movado ni povas diri: "REU aktivas ĉar ĝi aktivas". Kial ni tiel konkludas?

Jen kial.

Nia la plej mallaŭta kaj la plej nerimarkebla organizaĵo REU tute hazarde riĉiĝis. En Moskvo oni organizis SAT-kongreson. La aranĝo estas tutmonde fama, kvankam ties kvanto de la partoprenintoj egalas al malgranda OkSEJT. Tamen ni parolu ne pri tutmondaj aranĝoj, sed pri REU-umado. Iel-tiel okazis, ke iu parto de la profito post la kongreso iris al REU. Verdire tio estas kunĝojinda novaĵo, ja la mono ĉiam ne sufiĉas, des pli por tiu aktivega organizaĵo kiel REU. Kaj la REU-estraro tuj ekkrizis. Laŭ nia opinio en la REU-estraro sidas bonaj homoj. Tamen ili (kiel estraranoj) neniam posedis tiom grandan sumon (interalie: kiom granda estis la sumo? kial ni, REU-anoj, ne scias tion?). Kion fari kun la mono? Ili pensis, pensis kaj subite elpensis: necesas eldoni librojn! Ni ne scias kiun helan kapon unuan fojon vizitis ĉi ideo, sed certe la kapo meritas jaman monumenton. Do, la problemo uzi REU-trezoron estis preskaŭ solvita. Sed, tuj la alian iom pli helan kapon vizitis demando: kiun libron eldoni? Vi, kara leganto, mirigite povas demandi: ĉu mankas en la rusia spaco aŭ eĉ en la tuta mondo, bonaj verkistoj aŭ bonaj verkoj indaj publikigon? Certe ne mankas, sed ili ne estas konataj al REU-estraranoj. Tamen revenu ni al niaj ŝafoj. Dum longa tempo la estraranoj estis premitaj per la malfacila elekto: kion eldoni. Certe ili povis eldoni ion faman aŭ gravan por la movado, aŭ eĉ por tuta Esperanto ĝenerale. Sed ili, la uroj de E-movado, bone memoras ekzemplon de Tipo-Litografio de H.Kelter, kiu iam situis laŭ la adreso Varsovio, str. Novolinje №11.

*(vidu daŭrigon en la tria kovrilpaĝo)*

# Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)

## *Kelkaj ŝtonetoj ĉe la sojlo de jarmilo (daŭrigo)*



### Intermezo

Jen festo, jen tempesto
post la kvieta viv'! –
Aperis Manifesto
por la verda kolektiv'.
Jam miaj tentoj prancas
en ĝua antaŭflar',
kaj diablidoj dancas
en animo mia ĉar –
    De nun ni estas Civito!
    Akceptu nin sen petol'
    sed kun admira kvivito
    la tutplaneda popol'!
    Forgesu pri la malsaĝo
    iama kosmopolit'! –
    Vin rekonvinkos mesaĝo
    pri l' esperanta civit'.
Se estas ni Civito,
ni devas havi tuj
laŭ ordinara rito
en nia Civituj'
leĝaron, kiu donos
al ni la rajtojn, kaj
Estraron, kiu spronos
akcepti ĝin kun gaj'.
    Do, nun ni estas Civito,
    kaj devas ni sen erar'
    elekti (nur laŭ merito!)
    spertulojn por la Estrar'.
    En Roterdamo hejmeca,
    en strato Niuv-Binnenveg
    civitanar' la plej deca –
    jam estas kerno por ek'!
Intrigoj, interplektoj
malgravas por labor'.
Okazos la elektoj
en la plej beata hor',
kaj benos registaron
la verda famili'...
Ĉu iu helpos klaron:
tamen, kiu estu mi?!
    Se ni civitas, en vero,
    do, ĉe l' estrara favor',
    mi rajtas esti libera
    de la civita labor'.
    Ĉielen revoj ekkajtas
    de-sur lanuga kusen':
    Mi rajtas, rajtas kaj rajtas!...
    Nur – tiu minca faden'!
Ekŝvebas mi, poeto,
el la libera lit', –
proleto aŭ profeto
sen amo de l' Civit',-
kaj tamen io tenas,
ne lasas flugi for.
Ha, jes, mi surfadenas,
mi revas pri labor'!
    Mi hastis diri "Hop-la!"
    antaŭ dubinda salt' –
    ne estas malpli nobla
    reveno al asfalt',
    kaj falas miaj revoj
    de l' supernuba klar':
    mi ŝanĝu kontraŭ devoj
    nun miajn rajtojn, ĉar
pli aspirindas la pano
ol la libera kvivit',
do, estu mi civitano,
necesa por la Civit'!
Anstataŭ ŝvebi ekŝvitu
mi sub la verda ombrel',
kaj eble mia Civito
pli baldaŭ venos al cel'.

**Pri legado kaj legantoj.** Pri kio, do, mi? Hodiaŭ ne pri tiu "legado" el la "kanto de leganto", sed pri legado vera. Pasintjare mi gastis en la hejmo de sufiĉe juna kaj tre fervora eksterlanda espisto. En fino de mia gastado mi demandis lin, ĉu li povus doni al mi ian libron por mia longa busvojaĝo. "Volonte" – li diris, kaj invitis min en sian kelon. Tie mi kun mirego trovis sufiĉe riĉan stokon da libroj, metitaj subteren, laŭaspekte, tuj post aĉeto. "Vi ne legas la librojn! – mi raŭkis. – Por kio, do, vi aĉetas...?" "Por subteni la Movadon" – li respondis kviete.

Ĉu mi memorigu al miaj samaĝuloj la tempon, kiam ia-ajn legaĵo en esperanto estis ĉasata, eĉ raportoj de la Ĝenerala Sekretario de KPSU? Ĉu mi diru al novicoj, ke tiam apero de ia-ajn libro en esperanto surbrete de la fama vendejo "DRUĴBA" en Gorkij-strato estis festo por tutsovetia esperantistaro? Ke ĉiu libro, donacita de alilandaj gastoj, furoris en kluba biblioteko?! Nu, ni kune konfesu, ke ankaŭ nun okcidentaj libroj apenaŭ atingeblas por rusia espa legantaro. La prezoj restas altaj por niaj poŝoj, kaj mi ne rimarkis tro da okcidentaj aŭ orientaj imponaĵoj eĉ en personaj bibliotekoj de librovoraj espanoj.

Krom tiu fakto ĉio cetera aspektas tute aliel. Modernaj teknikaj rimedoj grave faciligis eldonlaborojn. Du-tri personoj povas esti eldonejo kaj, kunlabore kun ia presejo, produkti la librojn konkurence fortajn eĉ en la monda merkato. Tio fakte estas okazanta. Moskva eldonejo "IMPETO" dum dek jaroj produktis pli ol kvardek titolojn en esperanto. Ŝajnas, ke ne malpli – "Sezonoj" en Jeburgo. Krome – kelkaj titoloj aperis ĉe moskva "Justo", io – en provinco... Ĉiuj ĉi libroj estas proponataj enlande kontraŭ la prezoj tute moderaj. Ĉu vi aĉetas, homoj? Des pli – ĉu vi legas? Sociologiaj esploroj konkludas abruptan falon de legemo en Rusio. Jes, televido voregas tempon de viroj, virinoj – des pli, sekve furoras nur "tramliteraturo": krimromanoj, amhistorioj, fikciaĵoj...

Antaŭ ducent jaroj la verkoj de Puŝkin atingis eldonkvante 500 – 800 ekzemplerojn. Jes, libroj kostis tro multe en tiu epoko, sed ankaŭ legipova publiko ne abundis. Nuntempe eldonkvantoj de espaj libroj proksimume egalas tiujn antaŭdujarcentajn. Pri legoklero de rusia espanaro en eksterlando oni rakontas fabelojn. Mankas (ve kaj ve!) televido en esperanto. Tamen. El-inter la kvardek titoloj de "Impeto" plene vendiĝis (laŭ mia scio) la unua eldono de la "Legendoj" kaj la unua (negranda) eldonkvanto de Puŝkin-verkaro. Eble "Sezonoj" vendas pli – mi ne scias. Sed mi, la verkisto, ne ricevas aldonan dozon da inspiro pro la menciitaj faktoj. Espereble la situacio ŝanĝiĝos post ducent jaroj – samkiel koncerne Puŝkin, ĉu ne?

**Pri praktika uzo de la lingvo.** Mil personoj, hazarde elektitaj surstrate, estu enketataj pri la demando: "Ĉu vi volas lerni la lingvon Kikongo?" Mi certas, ke eĉ se temas pri pli konata lingvo, 995 el la milo respondos: "Ne. Kiacele?" Mi supozas, ke ĉeestos inter la enketatoj kvin simplaj lingvoŝatantoj, sed tiu supozo estas troigita.

Kiam ni ĉasas lernantojn por nova E-kurso, ni devas havi pretan respondon al la demando "Kiacele?" Ion ni povas respondi. Ni rakontas pri miloj da librotitoloj, legeblaj nur en E. Sed homoj ne tro ŝatas legi (vidu supre). Ni prikantas niajn renkontiĝojn, prikantindajn vere! Sed por partopreni ilin kun ĝuo la lingvoposedo ne estas nepre necesa (vidu supre). Ni aludas pri centoj da renkontiĝoj en ekster-

lando, i.a. pri UK! Sed nemultaj posedas monon por eksterlanda vojaĝo, kaj eĉ se posedas foje – ... (vidu supre). Ni ne miru, do, ke restas en la kurso kelkaj ŝatantoj amasiĝi (“тусовка”) en la klubo, se kluba vivo estas interesa, aŭ en la renkontiĝoj, kiuj fakte restas allogaj espereble por ĉiam. El-inter tiuj homoj kelkaj sendube iĝos espanoj. Restas, laŭ mia sperto, ankaŭ unu-du dezirantoj vojaĝi eksterlanden, kiuj foje ne perdas intereson al la lingvo post la sola vojaĝo.

Onidire unu espano diris al “novruso”: “Ĉu vi scias, ke ekzistas tiu brila helpilo por internacia komunikiĝo – Esperanto?” La “novruso” respondis: “Nu, du-tri kilogramoj por mi sufiĉas. Bonvolu paki.” Sed se paroli serioze, kion ni proponu al serioza persono, ekz. al la sama “novruso”, veninta hazarde al nia enkonduka prelego?

Kun tiuj pensoj mi, estante direktoro de eta fabriko, en la lasta jardeko de la pasinta jarcento klopodis utiligi esperanton por trovi partnerojn pri produktado de plastaj varoj kaj pri vendado de la jam produktataj. Mia fiasko estis preskaŭ kompleta. Pri tio mi iom raportis per “Sonato pri entreprenado” en “La Domo”, simpatia revuo de TAKE (Tutmonda asocio de konstruistoj-esperantistoj), do interesiĝantojn mi direktu al la N-ro 11 de tiu (julio 1996). Por ĉiuj ceteruloj mi diru nur, ke mi neniom kulpigas la movadon. Evidente mi mem estas ne bona entreprenanto, nek negocisto. Tamen ja centoj da internaciaj entreprenoj ekfunkciis kaj evoluas en Rusio dum la sama jardeko ekster helpo de esperanto. Ĉu la fakto ne estas temo por serioza meditado?

Ĝojigas la fakto, ke aperis pli da eblecoj gajni monon per esperanto. Certe, plejparto el la okupoj, kiuj povas vivteni, troviĝas ene de Esperantujo. Mi scias pri kelkaj. Ni ne parolu pri la magra etato da oficistoj en UEA, SAT kaj eble iuj landaj asocioj. Unuavice ni diru pri E-instruistoj, kies laboro sendube estas pagenda kaj fakte multloke pagata. Sekvas eldonistoj, kiuj grandpene perlaboras sian panon, ofte okupante sin pri espaj eldonaĵoj nur parte. Kaj la triaj estu turistaj firmaoj, – kelkaj ja uzas esperanton. Iam mi miris, ke nemultas tiuj lastaj; ŝajnis al mi, ke Esperantujo povus progresegi nur dank' al turismaj servoj. Sed kelkaj konversacioj kun la plej sperta “lupo” de E-turismo, s-ro Andrzej Grzębowski, konvinkis min, ke mi eraris antaŭe. Ke, ĉe nuntempa konkurenco en la merkato de turismaj servoj organizo de espa turismo estas malfacila, humiliga kaj sendanka laboro. Sed kelkaj entuziasmuloj pli-malpli sukcesas.

Kial ne? Ni nomas nin esperantistoj! Rememoru la ĉefan signifon de la sufikso “-ist-”, kaj vi komprenos, kial mi preferas uzi la vorton “espanoj”, se temas pri hobieca lingvouzo. Jes, Esperantujo (Komunumo, Civito k.s.) konsistu el espanoj kaj tio estas normala afero. Sed same normala afero estu agnoskata, ke inter espanoj nepre estas esperantistoj. Kaj inter esperantistoj – nu, mi diru, diversaj interesaj personoj, pri kiuj ni meditu nun.

**Pri la fenomeno “ZIKO“.** Pardonu min kara Ziko Marcus Sikosek. Mi adore estimas vin post via pasintjara prelego pri historio de mondomapoj en Londona E-klubo; efektive vi estas neordinare prudenta ulo. Sed ĝuste vian nomon mi volas atribui al la fenomeno, kiun mi atentis ankaŭ pli frue, sed okulfrapa ĝi fariĝis lastjare. Kompreneble, pro la finjarcenta emo aŭguri, pri kiu mi jam diris.

Tamen. Malbonaŭguroj rilate esperanton sonis dum tuta vivo de la lingvo el la

buŝoj de lingvosciencistoj, racie mokantaj mankojn de esperanto (kiu lingvo ne havas tiujn?), el la buŝoj de sobraj filistroj (kial mi perdu la tempon por studi ion efemeran?), el la buŝoj de tro okupataj famaj personoj (por ili la angla pli gravas...). Nun estas okazanta io nekutima. Morton de esperanto aŭguras la personoj profunde mergitaj en nian movadon. La sama Ziko M.Sikosek – en sia eseo "La jarcento de esperanto" ("La Ondo de E.", 12-2000). La eseo estas interesa almenaŭ pro tio, ke ĝi vokas (aŭ provokas) pensi. Mi rekomendus al ĉiu espano tralegi kaj pripensi ĝin. Koncerne min persone, – mi havas miajn opiniojn por oponi s-ron Sikosek, sed faru mi tion alifoje. Unue, nun mi nur volas danki lin, ke li antaŭvidas pluvivon de la lingvo ĝis 2070. Dankon, por mia vivo sufiĉas. Kaj due, mi longe tenis en mia buŝo la demandon "Se vi opinias la aferon tiom senperspektiva, kial vi mem restas en ĝi?" Mi jam volis forkraĉi tiun demandon, sed subite venis la respondo.

Aperas artikoloj kie venengalo gutas por primoki feblon de espa kulturo. Aperas ĉuseriozaj studoj pri neakceptebleco de esperanto en Azio – Afriko. Aperas eseoj, kie argumentite triumfas konkludoj pri proksima pereo de la movado entute... Sed ĉio ĉi aperas en ESPERANTO! Do, – por la espanoj, – ja kiun flankulon interesus tiuj esploroj? Kiacele? Ĉu por agiti min ke mi kabeu senprokraste?... Mi ne nomus kontraŭesperantaj similajn artikolojn, nek la revuojn, kiuj ilin portas al ni. Kontraŭe, mi diru, ke se espanoj faras similajn agojn, tio estas bona atesto pri certa progreso de la lingvo. Vero naskiĝas en disputo. Kaj por tiu disputo aperu mil opinioj.

Sed la plej grava progreso estas, – mi jam aludis, – ke esperanto-okupoj estas nun salajrataj pli-malpli ofte. Komence de la dudeka jarcento la okazoj estis unikaj, nu, ekz., la fama kontrakto inter LLZ kaj la eldonejo "Hachette", aŭ la konataj 300 rubloj (tre grava sumo tiutempe!), kiujn subvenciis rusa ministerio al la kapitano A.Postnikov por vojaĝo al la Vaŝingtona UK... Nuntempe jen tie jen ĉi tie aperas la personoj, vivtenantaj sin per espaj okupoj. Inter ili, cetere, ankaŭ tiuj, kiuj profetas pereon de la afero. Eble ankaŭ tiaspeca negoco havas ioman sencon.

**Pri kontaktoj kaj konfliktoj.** La unuaj naskas amikiĝon, la duaj – malpacon, kompreneble. Mi mem ŝatus taksi mian opinion nur maljunula grumblado, sed forte ŝajnas al mi, ke iam pli abundis la unuaj. Ne nun. La ne ankoraŭ kaduka memoro tiras el la kapo bonegajn ekzemplojn de interkluba kunlaboro: la fratan amikecon inter Tula kaj Ĥarkovo, la faman "unuiĝon" Krasnotomsk (Krasnojarsk+Tomsk), la migrantajn ekspoziciojn de infandesegnaĵoj, de politikaj afiŝoj aŭ de tiuj – kontraŭ alkoholo kaj tabako... – nu, veteranoj, helpu nomi pliajn!

Nuntempe ne nur najbaroj Tiĥvin kaj Peterburgo ne trovas konvenan tempon por interurba renkontiĝo (krom SEJT), eĉ en la dua ĉefurbo mem prosperas interkluba malpaco. Kaj ĉu en ĝi nur?

Mi klasifikas konfliktojn per kvar kategorioj:

1. inter esperantistoj kaj lokaj oficialuloj (aŭtoritatuloj);
2. inter movadaj "balenoj";
3. inter du – tri kluboj, funkciantaj en la sama teritorio;
4. inter "patroj" kaj "filoj".

Ĉiu el la konfliktoj estas grava bremso por la Movado, ĉiu havas propran kaŭzon, por ĉiu kategorio mi havas ekzemplojn kaj analizon. Sed, por ne verŝi oleon en fajron, mi evitos prezenti miajn esplorojn kaj konkludojn. Mi nur alvoku ĉiujn kon-

fliktantojn: analizu mem! Analizu por trovi vojon kaj senofendan pretekston por paciĝo. Tiu utilos por ĉiuj.

Jen, en 1994, en itala Triesto malamikis du bonegaj E-societoj. Mi venis tien por kanti dum Kristnaskaj tagoj, kaj la societoj uzis tiun pretekston por fari komunan festan vesperon en restoracio. Kaj estis luksa amika vespero! Kaj aperis almenaŭ iom da paco. Grava paco.

**Pri la Novjaraj revoj.** Mi iom ĝenas diri, ke mi iom kredas aŭguristojn sed mi pli ŝatas bonaŭgurojn. Mem mi ne estas aŭguristo. Tamen mi ŝatas revi. Fakte, ciuj ŝatas. En la pasintjara REK en Ĉeboksari estis eĉ revdiskuto pri E-movado post dudek jaroj. Bedaŭrinde, mi ne partoprenis. Kaj pro tio akceptu kelkajn el la revoj dum ĉi-Novjara nokto, kolektinta kelkajn tiĥvinajn espanojn ĉe komuna tablo:

- ke estu paco. Ankaŭ en Esperantujo;
- ke tamen okazu digna UK en Moskvo;
- ke ekfunkciu televidkanalo en esperanto. Almenaŭ unu inter la svarmantaj enetere;
- ke ĉiu espano, ĉiu amiko pripensu propran vivprogramon, kie troviĝos loketo ankaŭ por iom movi la movadon antaŭen. Kaj ke tiuj programoj realiĝu;
- ke (eble surbaze de EOLA) ekbrilu Rusiaj festivaloj de espa kulturo, ne preter-ireblaj por landaj amaskomunikiloj;
- ke ni ĉiuj (mi kaj vi, karaj legantoj) ĝisvivu por vidi kaj ĝui tion.

Dankon por la atento.

---

*Olga Ivannikova (Ĉeboksari)*

# KELKAJ VORTOJ PRI NEBO-2001



Kio estas NEBo? – Novjarfesto en betularo. Tamen, ĉi-foje tradicia "betularo" estis sukcese ŝanĝita al "betonaro" – la renkontiĝo okazis en la urbo mem, en ĉe-boksara mezlernejo № 19.

Kiel ĉio pasis? Brile, gaje, optimisme kaj varmanime, same kiel ĉiam okazas E-kunvenoj. Post tri tagoj de NEBo absolute ne estis emo lasi tiun ĉi ĉarmintan kaj hejmece komfortan lernejon, tiun ĉi skue-varman etoson de malvarma ejo, kaj ĉefe – tiujn ĉi homojn, dum tri tagoj fariĝintajn preskaŭ samfamilianoj. Tamen, vere dirante, la gastoj venis ne tre multaj: 6 samideanoj el Kazanj, 2 – el Moskvo kaj unu – el la ukrainia Berd-jansk, sed opiniu mem: kiom senĝene-varma, aperta kaj gaja estas kutime la etoso de malgrandaj kompanioj! Kaj al la vespero de la 1-a de januaro la kvanto de la partoprenantoj jam superis 40, en la aĝo de 18 ĝis

35 jaroj.

Kaj nun – pri la programo: ruĝfadene iris tra la tuta renkontiĝo la ideo de internacia flughaveno – unu el la simboloj de la pasinta jarcento, kaj tuta programo de NEBo estis subigita al tiu ĉi ĉefa ideo. Komenciĝis ĉio tute Novjare: la direktoro de flughaveno (Kostja Viĥrov) kune kun sia sekretario-referanto (Olja Ivannikova) serĉas tradiciajn Avon Froston kaj Neĝulinon en la atendejo, kaj, finfine, elektas por tiuj roloj aviadilan kuraciston (Nirab Kajastĥa) kaj stevardinon (Nadja Ĥaritonova). Ĝuste ili gvidis la koncertan programon, dum kiu la spektantoj havis eblon taksi naciajn specifaĵojn de Novjarfesto en Brazilo kaj Japanio, elpensi propran simbolon de la nova jarmilo, kaj ankaŭ partopreni en komuna kantado, dancado, ludado kaj, certe, fotado.



En la programon de sekvaj du tagoj de NEBo eniris: matena gimnastiko, Novjara E-kurso, trejnado pri la evoluigo de krea imagopovo, "sabantujo", danc-kursoj, ludoj kaj fajraĵoj en la aero, lingva olimpiko, danckonkurso "Ruĝa monteto", diskoteko laŭ infanaj kantetoj "Roza elefanto", rolludo "Burokratio", kiun okazigis la kazananoj, kaj, certe, multe da kantoj, dancoj, ludoj kaj aliaj amuzaĵoj. Ege populara inter la partoprenantoj estis la kurso pri aktora trejnado, gvidata de Sergej Indubaev, kaj matenaj praktikaj lecionoj pri la hinda jogo sub gvido de Nirab Kajastĥa.

Tri helaj tagoj kaj du tradicie sendormaj noktoj traflugis, kiel unu momento, postlasinte en la animoj de partoprenantoj kolosan ŝarĝon de energio, anima varmo kaj optimismo. Ni esperu, ke tio sufiĉos por proksima miljaro, almenaŭ – ĝis vica E-renkontiĝo. Sukcesojn al vi kaj bonan humoron en la veninta jaro!

P.S. Mi ege volus eldiri grandan dankemon al Kostja Viĥrov, sen kiu ne okazus tiu ĉi mirakla afero – NEBo-2001!

---

JSO JSO

## Impresoj

### *Julija Litvinova (Tiĥvin)*

"Ĉu…?"

"Jes, estas mi, kiu gvidos ĉi rolludon!" Post kelkaj sekundoj mi komencis: disdonis ŝildojn, kartojn kun roloj kaj klarigis la regulojn. Novaj amikoj ŝajne la unuan fojon spertis ĉi distraĵon kaj ludis kun entuziasmo kaj intereso. Ĉio ruliĝis neatendeble bone. Mi estis en Germanio kaj partoprenis la 44an Internacian Seminarion, la unuan internacian E-renkontiĝon en mia vivo.

Mi certe ne imagis tion antaŭ 2 jaroj, kiam mi faris la unuan hejmtaskon. "La

filmo estas interesa. Mi vidas tri novajn librojn. Li havas domon." Antaŭ 2 jaroj mi estis sufice ordinara rusino. Mi havis nur rusajn amikojn kaj ne multe vojaĝis. Antaŭ unu jaro mi sufiĉe bone scipovis Esperanton. Mi partoprenis du OkSEJTojn kaj regulajn renkontiĝojn de Tiĥvina E-klubo, korespondis kun iom da esperantistoj per la reto. Mi pensis tiam ke ĉiuj esperantistoj emas krokodili.

Ĉu mi nun pensas same? Ne! Mian opinion ŝanĝis IS, 27.12.2000 – 03.01.2001 ĝi estis en Cuxhaven.

La ejo (junulargastejo) estis komforta, situis nur 200m for de la Norda maro kaj enhavis 4-litajn ĉambrojn, manĝejon, ĉambrojn por lecionoj. Amasloĝejo (sporta halo de lernejo) estis iom malproksime – je 20 min. da piediro.

La nombro de la partoprenantoj (ĉirkaŭ 300) ne surprizis min. Germanoj, rusoj, italoj, francoj, hungaroj, poloj... rusoj ne malmultis. Programo! kiam mi ricevis broŝuron kun priskriboj de la aranĝoj, mi estis muta dum minuto. Mi kuraĝis kontribui kaj kiam aliĝis, mi priskribis tion, kion mi volus organizi. Organizantoj printis ĉion, kion mi proponis, kaj okazis ke miaj kontribuaĵoj okupis la duonon de tiu broŝuro. La taga programo vere ne estis vasta: danckursoj, aligatorejo, germanaj kartludoj, plektado de braceletoj, kursoj por komencantoj (por germanoj) kaj kelkaj miaj kontribuaĵoj. Kun plezuro mi trovis ke ĉio kion mi bezonis (tabulo, papero, skribiloj...) estis jam preta, neniu malfruis – ĉu la germana akurateco influis?!


*rusaj vampiroj drinkas francan vinon*

Mi ŝatis la servon por novuloj: specialaj homoj zorgis pri homoj kiu partoprenis en IS la unuan fojon (mi pensas ke ĝi estas vere utila por modestaj novuloj). Ili organizis "interkonan vesperon" kaj kelkajn kvizojn (temis pri la historio de IS). Pluse ĉiu novulo ricevis propran "anĝelon" (spertulon), la mia – ĉiam respondis miajn multnombrajn demandojn kaj helpis.

La tuttaga ekskurso al Hamburgo inkluzivis vizitadon de du muzeoj kaj neniom da libera tempo. Mi ne aparte ŝatis ĝin (eble ĉar mi tre volis dormi, oni vekis nin je la 6:30 matene).

Vespera programo estis pli interesa ol la taga: "Bunta vespero", koncerto de Dolcxamar, "Franca vespero", "Silvestra balo", novjara koncerto, internacia vespero. Plaĉis al mi la "Franca vespero", francoj reklamis la sekvan IJK, prezentis kelkajn teatraĵojn kaj poste... poste ĉiuj gustumis francan vinon kaj keksojn. Por la internacia vespero la rusinoj preparis ion specialan – "striptizon"! (ĉu vi povas imagi la vizaĝojn de la viroj!?)

Dum la Silvestra balo ni festis eĉ kelkajn novjarojn: je la 10a – la rusan, je la 11a – la polan kaj belorusan, je la 12a – la germanan… Antaŭ la rusa novjaro kaj iom poste ĉiuj aŭskultis ruslingvan muzikon.Vi neniam divenos kiun oni elektis, – "Lube"! Danckonkurso estis tro klasika, kaj tial, mi pensas, ĉiun amuzis la danco "kun seĝo anstataŭ damo" de Paŝa Volkov (Ivanovo). Ĉiuvespere eblis rigardi ion

en videosalono. Mi kompreneble atendis esperantlingvajn filmojn aŭ almenaŭ tiujn pri E-aranĝoj. Kredu aŭ ne kredu, sed ili montris la anglalingvajn. Nur la rusa "Ну погоди!" estis escepto, ĝi ridetigis ĉiujn!

Malspertulino, mi imagis ke esperantistoj dum renkontiĝoj nepre kantas de vespero ĝis frumateno, sed mi eĉ ne aŭdis gitarludon tie. Jes, ĉiuvespere estis koncertoj, sed tro oficialaj kaj ili daŭris ne pli ol horon. La grupo kantis kaj poste reklamis diskon kun propra muziko.


*imagu senneĝan vintron, maron, blankan sablon – estas Novjaro en Germanio*

Mi ial atendis "adiaŭan rondon", sed ve... Ĉu ĝi estas invento de rusa esperantistaro?

La vorto "Seminario" dekomence iom timigis min, ĝi ja sonas sciencenhave. Laŭ mi IS tute ne estas "Seminario", ĝi estas aranĝo por amuzo, esperanto-festado de novjaro.

Necesis partopreni ISon kaj vidi kiel funkcias Esperanto inter homoj el diversaj landoj por kompreni la potencon de nia lingvo, por ĝui ĝin. Kaj... mi volas pli!

## *Ksenija Koĵevnikova (St.Peterburgo)*

Tiu neforgesebla semajno traflugis kiel unu tago! Sed restis multege da memoraĵoj pri kiuj mi ŝatus rakonti al vi, miaj karaj REGo-legantoj, kaj, certe, denove travivi tiujn 7 skuajn tagojn de IS.

Ĉi-jare ĝi okazis en Norda Germanio, en la urbo Cuxhaven, kiu jam gastigis IS-on en 1991/92, ĝi situas surborde de la maro. Tio estis mia unua IS kaj mia unua vojaĝo al Germanio. Verdire ambaŭ tiuj eventoj multe impresis min. Unue mem Germanio – purega kaj prosperanta kun ĝiaj skrupulaj, akurataj kaj "до неприличия" precizemaj loĝantoj. Kaj due, certe la IS-etoso, kiu fakte tre similas al aliaj esperantaj aranĝoj (kiel ekzemple IJK, IF kaj OkSEJT), sed, kompreneble, IS havas ion propran, kio distingas ĝin kaj kio ĉiujare allogas multege da homoj!



Ĉi-foje en Cuxhaven estis proksimume 300 partoprenantoj el diversaj landoj, eĉ esperantistoj el tiom malproksimaj lokoj kiel Kanado, Usono kaj eĉ Benino atingis la aranĝon. IS ĉi-jare havis la temon "Survoje al nova jarmilo – kio estas antaŭ ni?", kiun oni pridiskutis dum diversaj prelegoj, laborgrupoj kaj diskutrondoj. Verdire

tiaj seriozaj kaj vere interesaj aferoj iel preteris min, ĉar estis ankaŭ tre vasta distra programo kaj, certe, ĉiuvespere okazis io speciala.

Tre bone mi memorfiksis la Francan Vesperon, dum kiu multnombraj francoj prezentis tre amuzan teatraĵon, ligitan al venonta IJK en Strasburgo, kiu, interalie, estis tre reklamata dum IS. Post la teatraĵo ili regalis ĉiujn partoprenantojn per bonega franca vino! Rusoj, kiel ĉiam, estis originalaj kaj dum la Internacia Vespero niaj knabinoj dancis en dormosakoj uzante elementojn de "striptizo" sub tondraj aplaŭdoj de la spektantoj!



Por la aranĝo estis invitita dana/bosnia/pola muzikgrupo "Esperanto-Desperado", antaŭ nelonge kreita de Kim Henriksen. Malgraŭ tio, ke ne ĉiuj membroj povis alveni, Kim kun la alia membro de Espo-Despo Brian kaj ankaŭ kun helpo de Bertilo Wennergren faris bonegan koncerton kaj sukcese prezentis ilian unuan K-diskon, kiu estis tuj disvendita. Vere estas ardeca kaj gajega – ilia muziko!

Por plezurigi IS-anojn germanoj organizis Naĝvesperon, nur kontraŭ 8 markoj oni povis aĉeti bileton en lokan basenon kaj naĝi tie dum du horoj en kompanio de nur esperantistoj. Post tiu vespero homoj estis tre lacaj kaj la sekva nokto estis surprize trankvila, kion mi ne povus diri pri ceteraj frenezaj noktumadoj, kiam komenciĝis vera IS-vivo.

Jes, la nokta programo estis sufiĉe abunda kaj donis bonan eblecon amuziĝi: krom "normala" trinkejo, pri kiu zorgis Arnau kaj kiu ĉiam estis plenplena de homoj, kiuj drinkis, babilis, dancis kaj freneziĝis, ekzistis teejo regata de Vera Ascadi el Hungario, kiu kreis en ĝi belegan kaj trankvilan etoson, tie homoj povis trinki teon kaj aŭskulti kvietan muzikon kaj Esperantan poezion. La plej fortaj svingis la gambojn kaj dancis tradician "La Bambon" en la diskoteko, kiu (same kiel la trinkejo) fermiĝis nur mallonge antaŭ la matenmanĝo! Ĝuste pro tio oni diras: "IS – dormi vi povas ie aliloke!".

Absoluta kulmino de la renkontiĝo estis la Silvestra Balo. Ĝi komenciĝis de la bongusta Silvestra Bufedo kaj poste la vespero daŭris per novjara danckonkurso en granda halo de la Junulargastejo, kiam partoprenantoj absolute senkomplekse kaj plensente prezentis siajn bonegajn danckapablojn! Multaj IS-anoj havis belegajn "Star Trek"-kostumojn kaj tiamaniere kreis veran novjaran etoson. Je ĉiu plena horo ie aliloke en la mondo komenciĝis la nova jaro, sed ne simple la vica novjaro – la 21a jarcento kaj la 3a jarmilo! Kaj en la malgranda norda urbo de Germanio kolektiĝis homoj por kune festi tiun grandegan eventon. Vere, kiam ni interŝanĝis novjarajn bondezirojn, estis la sento, ke ĉiuj estas viaj malnovaj kaj bonaj amikoj, amikoj de la tuta mondo, mondo, kiu estigas esperon kaj kredon al morgaŭa tago, tago kiu donacos al vi novajn, deziratajn renkontiĝojn kun viaj amikoj!




# Estontaj aranĝoj

Jam restas malpli ol monato ĝis la semajno, dum kiu en la bazejo ***Serovo*** apud St.Peterburgo okazos la 20-a Rusia E-Kongreso kaj la 13-a festivalo EoLA. Kaj ni jam povas informi pri la partoprenkotizoj de la aranĝo kaj ĝia programo.

*La baza kotizo por rusianoj ĉe plentempa partopreno estas 700 rub. – por dezirantoj loĝi en amasejo, 900 rub. – por loĝado en 4-5-litaj ĉambroj kaj 1200 rub. – por loĝado en 2-lita ĉambro. Tiu ĉi kotizo inkludas ĉion: aliĝon, loĝadon kaj manĝadon por 7 tagoj kaj la programon kun la ekskurso. La samo sen matenmanĝoj kostas je 100 rub. malpli, tute sen manĝoj – je 400 rub. malpli. La partoprenantoj, kiuj naskiĝis post 04.03.1983, rajtas je 10%-a rabato, tiuj, kiuj naskiĝis antaŭ 04.03.1971, devos krompagi 10%. Krome, ĉiuj rusianoj, kiuj ne estas membroj de REU aŭ REJM, devos krompagi 50 rub. Ĉe la neplentempa partopreno la kotizo por unu tago egalas al plena kotizo multiplikita je 0.15.*

La atendata kvanto de la partoprenontoj estas 120-150 gesamideanoj. Inter la jam aliĝintaj personoj estas multaj rusiaj kaj ukrainiaj E-aktivuloj kaj artistoj, por nomi ĉiujn ne sufiĉos ĉi tie la spaco. Aliĝis ankaŭ pli ol dek eksterlandanoj el Francio, Jugoslavio, Kroatio, Nederlando, Pollando, Svedio; inter ili – estrarano de UEA Kalle Kniivilä, bone konata ĉe ni franca kantisto kaj muzikisto JoMo, ne tiom bone konata ĉe ni, sed ne malpli fama pola bardo Georgo Handzlik.

Sube vi trovos la liston de ĉefaj programeroj de **REK-20:**

04.03 – interkona vespero kaj salutkoncerto;

05.03 – solena inaŭguro, REU-Konferenco (ĝi okazos ankaŭ la 06 kaj 07), E-kurso (okazos ĉiutage), E-kantoj (ankaŭ la 06 kaj 07), KEK-kunveno, prelegoj pri nuna stato kaj agado de UEA, pri interlingvistiko, seminarioj pri kluba laboro kaj por tradukistoj (ankaŭ la 07), diskuto pri eventuala UK en Rusio (ankaŭ la 07), koncerto de tiĥvina ensemblo, konkurso pri simultana tradukado, koncerto de Mikaelo Bronŝtejn kaj barda kafejo (okazos ĉiutage);


*REJM-konferenco dum EoLA-12*

06.03 – E-ludoj, PREM-kunveno, rondaj tabloj pri la kunlaboro kun UEA kaj pri la kunlaboro inter la movadoj de eks-Sovetio, seminario pri instruistaj aferoj, interŝanĝo de sperto pri la organizado de lingvaj festivaloj kaj de festivaloj de interesoj, poezia konkurso kaj koncerto de Georgo Handzlik;

07.03 – libera tribuno, ĈALK-ekzamenoj, koncerto de peterburgaj E-artistoj, konkurso de anekdotoj kaj KGS;

08.03 – solena fermo de REK-20.

Krome, ĉiutage dum certaj horoj funkcios la ekspozicio de fotoj (ne forgesu kunpreni la plej interesajn el viaj arkivoj), libroservo, REU-budo, REJM-budo kaj bufedejo; en certaj horoj ĉiutage nepre okazos la matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo. La programo estas provizora kaj dum restinta monato certe ankoraŭ kompletiĝos, precipe se vi proponos ankoraŭ ion interesan.

Kaj nun – pri **EoLA-13.**

Kiel ĉiam kursoj estos tre variaj. Inter ili estos diversnivelaj E-lingvokursoj, kurso pri tradukado, gitarkurso, dancklasoj – balaj, hindaj kaj modernaj (en diskoteko). Speciale por venki en fotokonkursoj ni aranĝis por vi ĉiutagan kurson pri sekretoj de fotofarado! Ne preterlasu trejnadojn: iĝu pli aktoremaj, teatremaj, plastikaj, belparolantaj en Esperanto!

Elstaros koncertoj de: ***la 8-an: JoMo, M. Povorin;***
***la 9-an: KNAB (Korotenjko, Naumoff, Aroseff, Bozzin);***
***la 10-an: A. Obrezkov; M. Koĉetkova kun M. Kablukov;***
***la 11-an: porurba komuna koncerto.***

Por iam ekkoncerti mem, partoprenu en la branĉoj de konkursa parto:

**I. Kanta:**
- a. originala kanto – por novaj kantistoj;
- b. tradukita/plenumado – same;
- c. konkurso "Unu kanto" – konkurso por majstroj, kadre de kiu oni prezentu novajn kreaĵojn.

**II. Poezia:**
- a. originala – por ĉiuj;
- b. traduktia – same.

**III. Danca.**

**IV. Teatra** (inkl. de pantomimo).

**V. Distraĵoj** (amuzaĵoj).

**VI. Murgazetoj.**

**VII. Fota ekspozicio:**
- a. E-movado;
- b. "Dormanta galerio" (fotoj de estuloj kiujn vi kaptis en "interesa stato").


*unu el teatraĵoj de EoLA-12*

**Kroma konkurso: TRADUKU KANTON!** Speciale estas organizota la konkurso kun la gratifika fonduso 2000 rubloj por la plej bona traduko kaj prezento de la nunaj plej popularaj kantoj. Organizantoj esperas ke aperos tradukoj de jenaj kantoj: Gazmanov "Zdravstvuj Piter", Bulanova "Belaja Nochj", Pugaĉjova "V Peterburge groza"; DDT "Ĉjornij pjos Peterburg"; Akvarium "Peski Peterburga" kaj aliaj kantoj pri St.Peterburgo. Alilandanoj povos prezenti iujn kantojn pri St.Peterburgo, origine verkitajn nacilingve aŭ unu el la plej popularaj kantoj de sia lando.

**NB!** Vi havos eblecon prezenti viajn pentraĵojn kadre de la dumaranĝaj ekspozicioj. Konkursaĵoj por branĉoj poezia, murgazeta kaj fota povas esti senditaj poŝte, se oni ne povas persone ĉeesti EoLAn.

**Ankoraŭ kelkaj eroj de la programo:** LONo (Lingva Olimpiko por Novuloj) kaj BeLego (konkurso de bela legado), REJM-konferenco, interesegaj prelegoj, diskutrondoj pri movadaj kaj kulturaj aferoj, intelektaj ludoj, komuna kantado, karaokeo. Abundos nokta programo: barda kafejo (por vi kantos: M. Bronŝtejn,

fama pola kanzonisto Georgo Handzlik, M. Povorin, Oĉjo Dadaev, M. Koĉetkova kaj aliaj), poezia salono, tea ceremonio, diskoteko, nokta videohalo (+lumbildoj), diskoteko, "popolaj" E-ludoj...

La aranĝon REK-EoLA inde kronos tuttaga ekskurso al Sankt-Peterburgo dimanĉe la 11an de marto. Vi havos tri elekteblajn variantojn por ekskursi. La unua estas ĝenerala busa ekskurso tra la urbo, la dua kaj la tria estas vizitoj al Ermitaĝo kaj la Rusa-muzeo. Samtage vespere okazos komuna koncerto por peterburganoj en la urbo mem.

Detalaj informoj pri la programo, kotizoj, vojo al la bazejo troveblas en la retpaĝo ***<www.esperanto.spb.ru/rek-eola.htm>,*** poŝta adreso de la OK estas ***Ksenija Koĵevnikova, p/k 28, 195274 St.Peterburgo***, por urĝaj kontaktoj uzu la telefonnumerojn: (812) 5914888 – Nastja Koĵevnikova, (0932) 426433 – Nataŝa Grigorjevskaja, (095) 5677007 – Garik Kokolija.

***La Organiza Komitato***

## OkSEJT-41: pri la programo

*Pasintfoje mi rakontis pri lokaj kondiĉoj de la sekva OkSEJT. Do, nun pri la temo.*

Difinante ĝin, ni startis de celoj de la tendaro. Kiujn celojn devas havi la plej granda tendaro en nia lando – OkSEJT? Ni formulis kvin:

- helpi al ĉiu partoprenanto sinesprimi, malkovri siajn kapablojn;
- pere de la etoso amikigi homojn, ligi novulojn al Esperantujo;
- plialtigi la lingvan nivelon;
- klerigi homojn pri diversaj flankoj de la vivo;
- plibonigi pri-Esperantajn sciojn.

Inter la supre menciitaj celoj preskaŭ ĉiuj estis konsiderataj dum lastatempaj OkSEJT-oj. Krom la lasta celo. Tre raraj estas ekzemploj, kiam dum renkontiĝoj oni okupiĝas pri esperantologio, E-literaturo, historio ktp. Rezulte ordinara esperantisto havas malklaran imagon pri la afero kaj vidas en Esperanto nur amuzigan movadon. Provu, ekzemlpe, kapti averaĝan homon dum iu E-renkontiĝo kaj demandi, kiu estis Hodler. Plejbonokaze vi ricevos respondon pri iam-aŭdo de tiu familinomo.


*la diskuto pri REU dum OkSET-40*

Tiel ni venis al neceso fari pri-Esperantan klerigan programon. Sed ne esperu, ke de mateno ĝis vespero ni aŭskultos tedajn lekciojn. Laŭ nuna koncepto, la programo estos dividita potage, konforme al la historio. Ni travivos ĉiujn epokojn, komence de "prahistorio" (antaŭ-Esperantaj lingvoprojektoj), inkluzive de kreo kaj evoluo de la lingvo, kaj fine de la nuntempa movado. OkSEJTanoj partoprenos rolludojn, kie roloj estos realaj historiaj personoj – de Zamenhof ĝis ... (divenu mem). Kiu venkos en la ludo – ĉu raŭmistoj aŭ finvenkistoj, ĉu teamo de UEA aŭ tiu de SAT? Kaj poste ni komparos la rezultojn kun nia reala vivo.

Partopreno en OkSEJT ne limiĝos nun per tendara tempo. Gravos ankaŭ anticipa preparado. Dum la tendaro estos organizita muzeo de E-historio, kaj ĉiu deziranto aŭ klubo povos anticipe prepari iun ekspozicieton por la muzeo. La temoj de ekspozicioj estas disdonotaj dum la venonta REK-EoLA (marto, Sankt-Peterburgo), sed jam nun dezirantoj povas skribi pri siaj preferoj. Temoj por esplorado povas esti diversaj – "Fondiĝo de UEA", "Esperanto dum la Dua Mondmilito" ktp.

Dum la tendaro funkcios E-biblioteko, kie eblos rigardi multajn E-librojn. Certe okazos tradiciaj programeroj: diverstemaj kursoj, KGS, lignofajro, vesperaj koncertoj, noktaj ludoj kaj matenaj kunvenoj.

Por ĉi fojo la loko finiĝis. Do pri la kotizoj bonvolu legi en sekva REGo.

***Jurij Karcev (Uljanovsk)***

## Kaj la aliaj...

**Esperanta festivalo AROMA JALTO-12** okazos ekde la 29.04 ĝis la 08.05.2001. Kie? Certe en Jalta! Belega urbo, pitoreska naturo, karesa suno, montaro, mara aero, amika etoso – kio ankoraŭ bezonatas por feliĉo!

La prezoj: loĝado – kontraŭ 2 USD diurne en 2-3 litaj ĉambroj; nutrado – en la bazejo kontraŭ 3.5 USD (trifoje tage) aŭ memzorga. Aliĝkotizoj por rusianoj – 4-6 dolaroj.

Lingva ordo – tradicie severa! Nulaj komencantoj ne estos akceptataj!

La programo enhavas: interkisadon, enloĝiĝon, improvizaĵojn, sanan dormon, E-kursojn, seminarion pri Ĉe-metodo, instruadon de novaj kantoj, ekskursojn, interkonan vesperon, noktan kafejon, vesperajn koncertojn, "Kuru-kuru" (por tre rapidaj), ŝakturniron (por tre saĝaj), E-universitaton, "Brejn-ring", PIV/"Naduvaloĉka", turistan marŝon al montaro (por tre turismemaj), koncerton en Livadia orgena halo (neforgesebla magio de la mirinda orgeno!), E-ekzamenojn, komunan fotadon, KGS-on, instruadon de malnovaj kantoj, Adiaŭan balon, Solenan fermon, Amikan rondon (+kantado, interkisado kaj komuna plorado), disveturadon.

Organiza komitato: Volodimir Hordijenko (Kijiv), Eva Bondar (Elk, Pollando), Dmitrij Cibulevskij (Ĥarkiv), Tatjana Auderskaja (Odeso), Miĥail Ĵdanov (Jalto), Vjaĉeslav Katin (Jalto), Konstantin Demjanenko (Berdjansk).

Kontakteblecoj: ***V.Hordijenko, UA-01133, Kijiv-133, a/k 35; tel.(044)295-17-01;*** rete ***<volodimir_h@hotmail.com>***

***BONVENON!***

> Volapukista paro volas aĉeti domon, kaj do vizitas kelkajn. Unu el la domoj tre plaĉas al ili, sed dum la vizito ili ekaŭdas la inferecan bruegon de proksime pasanta trajno. La domvendisto, iom embarasita, provas malgravigi la fenomenon: "Vi sciu, oni aŭdas tiun bruon nur la unuajn du aŭ tri tagojn; poste oni ne plu atentas ĝin. Do ne maltrankviliĝu."
> "Ne zorgu pri tio," – ili respondas al li – "ni simple pasigos la unuajn tri tagojn en hotelo!" *(esperanto-anekdot)*

**Internacia biciklista renkontiĝo** (IBIRE) okazos de la 5-a ĝis la 9-a de septembro 2001 en Doksy, 60 km norde de Prago, en belega regiono apud Lago de Mácha, kie la plej konata ĉeĥa romantika poeto ofte estadis kaj ĉerpis tie inspiradon por sia fama romantika poemo "Majo". La programo konsistos el komuna biciklado dumtage kaj vesperaj prelegetoj kaj amuzprogramoj. Oni planas veturi proksimume po

50 kilometrojn tage kun paŭzoj por klarigado pri survojaj vidindaĵoj. Ĉiu partoprenanto ricevos planon kun la orientiĝpunktoj kaj proponata komuna itinero, do povos laŭvole mallongigi, eventuale plilongigi sian vojon laŭ sia sportemo. Antaŭ IBIRE estas proponata restado en Prago kun ties gvidata trarigardo kaj unutaga biciklado al la konata kastelo Karlstejn. Pli proksimajn informojn kaj aliĝilojn vi ricevos ĉe: ***Petro Chrdle, KAVA-PECH, Anglická 878, 252 29 Dobřichovice; tel.: 02/9912201, fakso: 02/9912126; rete: <chrdle@kava-pech.cz>***. *(ret-info)*

**Kvar biciklaj karavanoj al Strasburgo por IJK** estos organizotaj de Biciklista Esperantista Movado Internacia, BEMI dum la du semajnoj antaŭ IJK: Norda karavano el Londono-Bruselo; Suda karavano el Barcelono-Liono; Okcidenta karavano el Bretonio-Parizo; Orienta karavano el Polio-Germanio. Pliaj informoj ĉe: ***Xavier Godivier, rete <XGodivier@esperanto.org>***. *(Eventoj)*

**Verono gastigos la Eŭropan Kongreson.** Verono (Italio), la urbo eternigita de Shakespeare en lia "Romeo kaj Julieta", dramo universala kiel la universala lingvo, preparas sin por gastigi la 5-an Eŭrop-Unian Esperanto-Kongreson inter 23-28 de aŭgusto 2002. La kongres-temo verŝajne estos "La Eŭropa Unuiĝo nun: situacio kaj perspektivoj". Kunlige kun la Eŭropa Kongreso kunvenos en Verono ankaŭ la itala kaj la Alp-Adria (Italio, Kroatio kaj Slovenio) E-kongresoj. *(ret-info)*

**La 23-a Ĉebalta Esperanta Printempo** okazos inter 01-10. 06. 2001 en Mielno, Polio. Ĝin aranĝos filio de Pola Esperanto-Asocio, PEA en Koszalin. Mielno troviĝas en belega ĉirkaŭaĵo. En la programo estos multaj ekskursoj, konkursoj, ebloj por perfektigo de la lingvokono, prezentoj de videofilmoj kaj aliaj agrablaĵoj. La aranĝo estos bona eblo aktive ripozi. Aliĝi kaj informpeti eblas ĉe: ***Pola Esperanto-Asocio Pk. 30, PL-75-016 Koszalin-1, Polio***. *(ret-info)*

**La 53-a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**, IFEF okazos inter 12-19. 05. en Tabor, Ĉehio. Fervojistoj kaj fervojsimpatiantoj povos ĝui buntan fakan programon en Esperanto dum la aranĝo kaj memkompreneble oni povos akiri novajn kaj utilajn fakajn kaj personajn kontaktojn. En la programo estos fakaj prelegoj kaj vizitado de la ĉirkaŭaĵo kun "fervojistaj okuloj" kaj solenaj programoj. Okazos ankaŭ antaŭ- kaj postkongresaj programoj. Antaŭkongreso estos inter 09-12. 05. 2001 en Prago, la belega ĉefurbo de Ĉeĥio. Postkongreso okazos inter 19-23. 05. 2001. La programo estos vizitado de bohemiaj banlokoj. Aliĝi kaj informpeti eblas ĉe: ***LKK de IFEF-kongreso, Anglicka 878CZ-25229 Dobrichovice, Ĉeĥio; rete <ifef-kongreso@kava-pech.cz>***. *(ret-info)*

**La 13-a Internacia Medicinista Esperanto-Konferenco**, IMEK okazos en la urbo Osijek, Kroatio inter 16-31.07.2001. La programo enhavos fakajn prelegojn, tuttagan kaj duontagan ekskursojn, viziton al la loka hospitalo. Informoj kaj aliĝo ĉe: ***Davor Klobucar, J. Huttlera 27 A, HR-31000 Osijek, Kroatio***. (Eventoj)

**Staĝo "Astronomio: amatoroj kontribuas"** okazos inter 08-15.09.2001 en Observatorio de Mont Chiran, Blieux, suda Francio. ***Astronomia Esperanto-Klubo, str.Amazia Ha-Melech 20/1, IL-77484 Ashdod, Israelo; rete <mikisal@inverness.co.il>***. *(Eventoj)*

Andrej Grigorjevskij (Ivanovo)

## Kial oni venas al E-movado kaj kial restas?



Ĉiujare en Rusio finas elementajn E-kursojn ne malpli ol 150-200 personoj. Ĉirkaŭ duono el ili venas poste al iuj E-renkontiĝoj. Parto el tiuj revenas al pliaj renkontiĝoj kaj/aŭ ekaktivas en lokaj movadoj. Ĉi-lastajn ni kalkulas laŭfingre kaj ĝojas pri ĉiu nova – ja por ni, kiel movado, ĝuste tiuj, kiuj komencas ion fari (organizi, instrui, versumi ktp), estas pleje gravaj. Por ni gravas homoj, kiuj aktive uzas la lingvon kaj helpas al ĝia plivastiĝo. De kio dependas, kiom da novuloj restas en la movado kaj iĝas aktivaj el-inter centoj da komencintoj?

Mi mem inklinas al ĉi-suba klarigo (mi jam parte prezentis ĝin dum REK en Ĉeboksari). Oni venas lerni la lingvon, ĉar estas interesitaj pri io, rilatanta al ĝi. Se oni zorgas enketi la novvenintojn oni ricevas aron da variaj respondoj: "scivolemo", "amikoj jam lernis kaj rekomendis", "mi la tutan vivon pri tio revis", "mi volas veturi eksterlanden", "mi ŝatus korespondi internacie" ktp. Se fine de la kurso oni denove faras tian enketadon, la respondoj jam estas multe pli uniformaj (kutime): "al mi plaĉas la etoso", "mi ĝojas havi tiom da amikoj" kaj simile.

Ekzistas tre simpla klasifiko de interesoj, kiu disdividas ĉiujn je a) personaj; b) grupaj aŭ sociaj; c) tutmondaj aŭ idealaj. Por ekzempli – "scivolemo" estas klasifikata kiel persona intereso, "al mi plaĉas la grupo" – socia, "al mi imponas la ideo de Internacia lingvo" – ideala. Kiam ni klasifikas la interesojn de la novvenintoj, ni trovas, ke la absoluta plimulto venas pro personaj interesoj kaj restas en la movado pro la sociaj. Ekz. iu Vasja tralegas reklamon de E-kurso kaj decidas, ke estos agrable poste fanfaroni al konatoj pri la scio de la ekzotika lingvo. Tio estas persona intereso. Ĉar li estas ne tre kuraĝa, do li konvinkas siajn geamikojn Borja kaj Olja kuniri al la kurso. Tiuj konsentas, ĉar por ili gravas la amikeco kun Vasja. Tio estas socia intereso. Krome, ili mem scivolas. La geamikoj venas al la kurso kaj eklernas. La intereso de Olja rapide estingiĝas, post kiam ŝi ekposedas tri bazajn frazojn ("Saluton", "mi ne scias", "mi ne komprenas"). Krome, ŝiaj rilatoj kun Vasja malvarmiĝis. Ŝi malaperas, sed Vasja kaj Borja, kiuj emas trovi novajn amikojn, restas, ĉar al ili plaĉas la novaj konatoj. Tio estas denove socia intereso. Povus okazi, ke ankaŭ Olja restus, se ŝi pli longe vizitus la kurson. Ŝi alkutimiĝus al la grupo, ekŝatus ĝin kaj same restus pro la socia intereso.

La "sociaj" novuloj eĉ pli forte alligiĝas al E-movado, kiam ili vizitas E-renkontiĝojn. Tiam ilia aparteno al E-movado ĉesas dependi nur de la loka grupo. Ili akiras konatojn, amikojn ekster la kutima rondo, ricevas novan emocian sperton, kiu denove logos al la reveno. La socio tiom plaĉas al ili, ke ili ofte mem komencas varbi por ĝi siajn konatojn, dirante "esperantistoj estas tiom amikaj, la etoso estas tiom bonega!!!". Kaj kio okazas pri la personoj, kiuj venas pro la ideo de Internacia lingvo? Ili venas pro tio, ke al ili plaĉas la ideo, restas pro ĝi, kaj pro ĝi komencas agi. Vere, tiaj homoj estas tre malmultaj inter la novvenintoj, relative malmultaj inter tiuj kiuj finas la kursojn kaj komencas viziti la E-renkontiĝojn, sed, strange ĉu ne, ili konsistigas la leonan parton de la gvidaj aktivuloj de nia movado.

Ni povas formuli jenan priskribon: a) por aliĝi al E-kurso oni bezonas personan intereson, sed se ne sekvos almenaŭ socia intereso, la homo plej verŝajne ne restos; b) por partopreni en la kluba vivo la persono bezonas havi minimume socian intereson; c) por agadi oni bezonas havi idean intereson.Necesas noti, ke vere harmonia situacio estas nur kiam kombiniĝas ĉiuj tri niveloj de interesoj. Homo, kiu havas nur idealisman kredon al io, neglektante socion kaj personan vivon, estas kutime malfeliĉa fanatikulo. Persono, kiu zorgas nur pri propraj interesoj, havas nek amikojn, nek idealojn. "Grupemo" por "grupemo" damaĝas la personan vivon.

> "Ĉu vi venos morgaŭ, doktoro?" "Jes, ne timu. Okaze, mi estas vizitonta alian malsanulon en ĉi tiu sama strato, kaj tiamaniere mi mortigos du birdojn per unu sola pafo." *(esperanto-anekdot)*

Ekzistas multaj okazoj, kiam homoj venas al ni pro pure personaj interesoj (ekz. Anatolo Gonĉarov volis uzi E-on por korespondi kun filatelistoj) kaj poste ekagas socie kaj alpropras la idealojn. Ankaŭ tiuokaze la novuloj iĝas "veraj esperantistoj" kaj restas en la movado. Sed ankaŭ ekzistas pluregaj ekzemploj, kiam "ideaj esperantistoj" perdas la kredon al la idealoj. Tia perdo de la idea nivelo povas esti diversgrada. Se perdiĝas nur la idealoj, la homo povas resti en la grupo, farante nenion ekster ĝi. La personon plu interesas la amikoj, estas agrable kunveni kun ili, teumi, kafumi, klaĉi ks. Amasego (80%?) da esperantistoj jam dekomence atingas nur tiun nivelon, do, sur ĝi estas komforte kaj varme. Sed se ĝuste la idealoj apartenigis la seniluziiĝintan personon al E-movado, li/ŝi "kabeas" – do, plene malaperas. Perdo de "idealoj" povas okazi ankaŭ al tutaj grupoj. La ekzemplo de tio estas ĝisostaj "raŭmistoj" – kiuj asertas, ke la "pra-celoj" (la porhomaraj idealoj) ne plu iun interesas, sed necesas zorgi pri niaj "eminentaj grupaj valoroj". Loknivele la senideala grupismo plej ekstreme realiĝas en la formo de "teumaj" E-kluboj – grupoj, kiuj kunvenas nur por babili nacilingve kaj trinki teon.

Ne malmultas ankaŭ la adeptoj de la "person-interesa" aliro. Ili mem estas sufiĉe "ideaj", ĉar zorgas pri la sukceso de la movado, sed la allogitaj de ili novuloj – ordinare tute ne. Homoj, varbitaj nure per ebleco malmultekoste veturi eksterlanden, fakte veturas tien, sed neniel interesiĝas pri E-movado (krom, se oni promesas pagi por tio). Sufiĉe multas individuaj esperantistoj, kiuj pro iom-po-ioma perdo de idealismo, falas al "persona" nivelo. Konato el mezeŭropa lando rakontis al mi pri la esperantistoj en la ĉefurbo de lia lando: "ilin ne eblas instigi ion ajn fari por la movado, ili por ajna paŝo postulas monon". Kiom mi memoras, li diris, ke ili ne plu kunvenis kiel grupo. Mi ne diras, ke la "persona" aŭ "grupa" aliroj ne devas esti uzataj en la varbado. Ili nepre ne devas esti la solaj kaj ĉefaj. Nur la harmonia aliro, kun nepra uzo de ĉiuj niveloj donas la harmonian rezulton.

Kion praktikan eblas konkludi el ĉi-supra teoriumo? Kiam mi prelegis pri la temo dum REK en Ĉeboksari, Irina Gonĉarova (Moskvo) diris dum la pridiskuto, ke ŝia plej sukcesa kurso estis tiu, dum kiu ŝi plej sukcese elmontris la ideojn de Esperanto. Ankaŭ Aleksandr Blinov (Ĉeboksari) konstante aldonas ideologiajn temojn al la enhavo de siaj kursoj. Mi mem ĝis triono de la tempo de miaj intensaj kursoj dediĉas al informado pri tio, kio estas Esperanto kaj por kio. Kaj tio utilas pli ol se mi tiutempe instruus gramatikon aŭ vortojn. Ĉar poste la novuloj kun pli arda deziro studas la lingvon kaj estas pli motivitaj.

## En novan Estonton

Forpasis la dudeka jarcento kaj ni troviĝas en tempo, kiu longe asociiĝis en nia konscio kun Estonto. Nun ni estas en la tria jarmilo. Fizike al ni okazis nenio rimarkebla, sed iel subkonscie oni sentas diferencon de ĉi-hodiaŭ disde la hieraŭa hodiaŭ. Kaj sinsekve venis la tempo difini por ni novajn celojn, novan Estonton.

La unua el tiaj estontaj celoj jam estas proklamita: tio estas la okazigo de la Universala Kongreso de Esperanto en nia lando en 2006-2007-a jaro. Ni jam komencis mense kaj praktike prepariĝi al tiu dezirata evento kaj se ni same kontinue laboros dum la estontaj jaroj, la unua UK en Rusio nepre okazos post 5-7 jaroj. Sed ĉu tio estas sufiĉa celo? Ĉu tio estas la supera celo? Ĉu nia agado estas direktita nur por okazigi ĉiam pli amasajn kaj ĉiam pli "etosajn" renkontiĝojn? Foje oni vere povas havi tian impreson. Tamen multaj el ni kredas, ke tio ne estas la sola celo de nia movado. Ni kunvenas, ni laboras, ni agas ne nur por okazigi renkontiĝojn, kiom ajn grava estas tiaspeca manifestiĝo de nia movado por plejparto de ni. Mi kredas, ke kiom ajn agrabla estas por ni la E-movada societumado, profunde en la animo ĉiuj el ni bazas sin sur la konscio, ke la fina realigo de la ideo de Esperanto – la dua por ĉiuj teranoj neŭtrala lingvo – estus utila kaj necesa por la mondo. Ĝuste tiu ideo animis la unuajn pionirojn de Esperanto kaj donis la vivon al nia movado.

De tio, kiajn celojn ni metas antaŭ ni, dependas ankaŭ tio, kion ni fine atingos. Se nia plej supera celo estas okazigo de la plej amasa E-renkontiĝo, ni verŝajne atingos tion, se la deziro estos sufiĉe forta. Sed nur tion. Se ni celos pozitive ŝanĝi la mondon, kaj agos por la ĉiutagaj celoj, konsiderante tiun plejaltan celon, ni atingos multe pli. "Kuraĝe antaŭen, la nepoj nin benos, se ni pacience eltenos!" – alvokis L. Zamenhof. Tio aktualas.

***Andrej Grigorjevskij (Ivanovo)***

## REU subtenis la Zamenhof-Tagojn en Moskvo



La 16-17an de decembro en la ejo de la Moskva E-klubo "Lev Tolstoj", pasis la unuaj Moskvaj Zamenhof-Tagoj, dediĉitaj al la ĝenerala E-klerigo de novicoj. La impulson por la iniciato donis la intenco plu esperantistigi kaj vojaĝigi al Moskvo la gejunulojn el la nova E-klubo "Neon" (Roslavl, Smolenska distrikto). Krome, la kadroj de la aranĝo ŝajnis tute taŭgaj por lanĉi la delonge ĝermantan konkurson pri deklamado. Venis 14 homoj el Roslavl, kiuj diligente partoprenis la dutagan programon (prelegoj, informoj, kvizo, lingva praktiko, iom da ludoj) kaj forveturis plen-plene ravitaj de la vojaĝo, promenadoj en Moskvo, noktaj baraktadoj en neĝo kaj ĝis-

matenaj teumadoj-komunikadoj, kaj ankaŭ de la moskvaj esperantistoj – prelegintoj kaj koncertintoj. Ĉefe impresis, certe, la bonega koncerto, kiu – krom la kantado de niaj bardoj (Miĉjo Povorin, Grigorij Arosev kaj Oĉjo Dadaev) kaj la nova kant-grupo de FaRo (kun luksaj gitaristoj!) – enhavis la Konkurson pri Deklamado, kiun aktive partoprenis 7 homoj en la branĉo "Novicoj" (la 1-an premion gajnis 9-jara Serjoĵa Lemenovskij, la 2-an – Olga Iljenko, la 3-a ne estis aljuĝita) kaj 5 homoj en la branĉo "Parolantaj esperantistoj" (la 1-a premio – Onjo Ĉerniŝova, la 2-a – Nastja Baŝlikova, la 3-a ne estis aljuĝita).

Mankoj? Estis. La roslavlanoj estis ĉagrenitaj pro nemultnombra partopreno de moskva junularo en la programo. Mi aparte demandis ĉiun: "Kio pleje impresis?" Kaj sendepende unu de la alia ili respondis: Griŝa, Onjo, Oĉjo... Se konsideri, ke senpere antaŭ la aranĝo la centra televida programo ORT intervjuis aktivulojn de E-movado okaze de la Zamenhofa datreveno kaj ke la 14an de decembro en "Lev Tolstoj" pasis la laŭtagorda kunveno, dediĉita al la dato – kun jar-resuma konkurso pri la plej bona kantotraduko (*la gajninta verko – la kanto de Garik Sukaĉjov "Monato majo..." en traduko de Grigorij Arosev – estas publikigita en tiu ĉi numero – La Red.*), eblas diri, ke Zamenhof-Tagoj en Moskvo estis ĉi-foje sufiĉe rimarkinda evento de la E-vivo.

La aranĝo estis iniciatita de MASI kaj realigita kunlabore kun "Lev Tolstoj", ĉe financa subteno de REU (libroj por multnombraj premioj). Espereble, ĝi iĝos tradicia. Kaj la Deklam-konkurson MASI proponas jam por EoLA.

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

## Ankoraŭ tri kluboj kaj 40 personoj pagis REU-kotizojn por 2001:

***Ivanova E-teamo (2 membroj), Krasnojarska E-klubo (10 membroj), Tiĥvina E-klubo (12 membroj), Arbekova Katerina (Novosibirsk), Batirev Nikolaj (Udmurtio), Belov Aleksandr (Tiĥvin), Bespalov Vladimir (Soĉi), Beznosko Sergej (Ĉeboksari), Blinov Aleksandr (Ĉeboksari), Bozin Sergej (Krasnojarsk), Bronov Sergej (Krasnojarsk), Bronŝtejn Mikaelo (Tiĥvin), Ĉupin Bronislav (Iĵevsk), Ĉuprakova Nina (Moskvo), Delcov Evgenij (Irkutsk), Demjaŝev Oleg (Nabereĵnie Ĉelni), Dolmatova Darja (Jelec), Garibjan Sergej (Soĉi), Indeev Oleg (Kazanj), Ivasenko Anatolij (Krasnodar), Kiseljova Olga (Jaroslavl), Kizenko Irina (Soĉi), Kokolija Georgij (Moskvo), Kondratjev Boris (St.Peterburgo), Kroter Stanislav (Tomsk), Lagutenkov Igorj (Smolenska reg.), Liskov Andrej (Moskvo), Lukjanov Vladimir (Kurska reg.), Markon Aleksandr (Moskvo), Masenko Anatolij (Kislovodsk), Moniĉeva Irina (Vladimira reg.), Neĉaev Nikolaj (Irkutsk), Odincov Aleksej (Permj), Ogurcov Sergej (Voroneĵ), Oparin Vadim (Adigeja), Osokin Aleksandr (Tula reg.), Sibircev Vladimir (Novosibirsk), Sidorov Vitalij (Roslavl), Solovjov Vadim (Vladimir), Stepanov Nikolaj (Moskvo), Sudakov Vladimir (Primorskij kraj), Vasilenko Lidija (Moskvo), Zueva Nina (Jelec)***

REU-kotizoj por la jaro 2001:

60 rub. – individua membro (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton dum REU-konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

1500 rub. – dumviva membro (ĉio la sama dum la tuta vivo);

20 rub. – familia membro (la membrokarto, voĉdonrajto dum REU-konferenco);

60 rub. + 20 rub. por ĉiu membro – kolektiva membro (la membrokartoj, REGo kaj aliajn informoj de REU por la klubo, voĉdonrajtoj dum REU-konferenco);

10 EUR – individua membro, loĝanta ekster Rusio.

# REJM-info

*Karaj rejmanoj!*

*Nova, 2001a jaro komenciĝis. Nia REJM ekzistas jam dum unu jaro. Ni bone komencis kaj ni devas daŭrigi nian komunan agadon same bone. Ni dankas ĉiujn, kiuj helpis al ni, ĉiujn, kiuj partoprenis en niaj aranĝoj, ĉiujn, kiuj daŭrigos kun ni nian laboron. Ni faris multon, sed ankaŭ multego restis. Kaj restis ankaŭ por vi.*

*Baldaŭ, jam dum marta REK-EoLA, okazos REJM-konferenco. Vi aŭdos raportojn de la komitatanoj, ni kune pridiskutos gravajn temojn, certe okazos reelektoj. Ni petas veni vin ĉiujn. Ni petas vin pripensi VIAN parton de la agado, ni esperas ekaŭdi VIAJN proponojn!*

*Aliĝo al REJM por 2000a jaro validas ĝis la 1a de aprilo, do: vi ĉiuj estas bonvenaj. Tamen ni petus vin pli rapide pagi kotizojn por 2001a jaro. Kontraŭ 20 rubloj vi iĝos plenrajta membro de REJM por 2001a jaro, kaj kontraŭ 50 ricevos ankaŭ 8-10 numerojn de la gazeto REGO. La kotizojn oni povas pagi al ajna REJM-komitatano aŭ al lokaj REJM-reprezentantoj.*

*Ni ankoraŭfoje petas vin ĉiujn kolektiĝi dum nia REJM-komferenco.*

***REJM-komitato***

Projekto

## STATUTO

de Rusia Esperantista Junulara Movado (REJM)

### 1. REJM kaj ĝiaj celoj.

1.1. REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) estas memstara socia organizo, kiu kunordigas junularan esperantan agadon en Rusio.

1.2. La celoj de REJM estas praktika uzo, disvastigo kaj popularigo de la lingvo Esperanto kaj de humanismaj ideoj, ligitaj kun tiu lingvo. Krome, REJM prezentas la kulturon de la popoloj, loĝantaj en Rusia Federacio kaj ekster Rusio.

1.3. Ĉefaj rimedoj por atingi tiujn celojn estas:

a) okazigo de junularaj Esperanto-aranĝoj;
b) helpo al junularaj Esperanto-kluboj kaj kolektivoj;
c) informado al gejunuloj en Rusio pri la lingvaj problemoj en la mondo kaj speciale pri la ebloj de Esperanto kaj de Esperanto-movado;
ĉ) helpo pri internaciaj kontaktoj (perpoŝtaj kaj vizitaj) inter gejunuloj de Rusio kaj aliaj landoj;
d) kunlaborado kun aliaj Esperanto-organizoj – nacie kaj internacie;
e) kontaktado kun aliaj junularaj organizoj en Rusio, nacie kaj internacie agantaj.

1.4. REJM partoprenas internacian junularan Esperanto-movadon kaj estas Landa Sekcio de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) en Rusio.

1.5. Laborlingvo de REJM estas Esperanto.

## 2. Membreco.

2.1. En REJM ekzistas du kategorioj de membroj – A kaj B:

2.1.1. A-membroj estas junaj esperantistoj en aĝo de 14 ĝis 30 jaroj inkluzive, kiuj subtenas celojn de REJM.

2.1.2. B-membroj (patronoj) estas esperantistoj en aĝo super 30 jaroj, kiuj subtenas celojn de REJM.

2.2. Rajtoj.

2.2.1. Ĉiuj membroj de REJM rajtas:

a) rabate partopreni en aranĝoj de REJM;
b) uzi servojn de REJM, kunlabori en ĝiaj laborgrupoj;
c) ricevi informon pri agado de REJM;
ĉ) uzi informorganojn de REJM por esprimi sian opinion;
d) eksiĝi el REJM.

2.2.2. A-membroj, krome, rajtas:

a) proponi kaj elekti novajn membrojn de REJM, Komitaton de REJM kaj aliajn elektatajn postenulojn (komisiitojn, kunordigantojn de laborgrupoj k.c.);
b) esti elektitaj al ajna posteno de REJM.

2.3. Devoj.

2.3.1. Ĉiuj membroj de REJM devas:

a) obei la Statuton;
b) akurate pagi la kotizon.

2.3.2. A-membroj, krome, devas plenumi la decidojn de REJM-konferencoj.

2.4. Membrigo.

2.4.1. A- kaj B-membrigo okazas post kiam la persono plenigas REJM-aliĝilon (kun indiko de almenaŭ siaj plena nomo, adreso kaj naskiĝdato), sukcese pasas lingvan REJM-ekzamenon (se estas hezitoj pri bona lingvoposedo de la kandidato) kaj pagas konforman kotizon.

2.5. Fino de la membreco.

Membroj de REJM povas fini la membrecon en la organizo:

a) per propra decido;
b) pro morto;
c) aŭtomate pro nepago de jar-kotizo;
ĉ) per decido de REJM-konferenco pro malobservo de la Statuto.

## 3. Subtenantoj de REJM.

3.1. Subtenantoj de REJM estas esperantistoj aŭ amikoj de Esperanto de ajna aĝo kaj ankaŭ Esperantistaj kaj ĉiuj aliaj kolektivoj, kiuj subtenas la organizon finance.

3.2. Por iĝi subtenanto, necesas transdoni al REJM-fonduso monsumon, difinitan de la konferenco. Ekde tiam la statuso de la subtenanto estas konsiderata akirita kaj validas dum koncerna jaro.

3.3. Subtenantoj ricevas informorganojn de REJM kaj aliajn gravajn materialojn.

3.4. Subtenantoj rajtas uzi la servojn de REJM, kunlabori en ĝiaj laborgrupoj, partopreni la aranĝojn de REJM.

## 4. REJM-konferenco.

4.1. Konferenco estas forumo de REJM.

4.2. Konferenco estas supera instanco de REJM.

4.3. Konferenco estas kunvokata minimume unu fojon dum jaro.

4.4. Voĉdonrajton (po unu voĉo) havas nur A-membroj. Forestanta A-membro rajtas per skriba konfirmo transdoni sian voĉon al alia A-membro (se tiu jam ne ricevis ies voĉon). B-membroj havas konsilajn rajtojn dum diskutoj.

4.5. Konferenco estas konsiderata kvoruma kaj ĝiaj decidoj plenrajtaj, se ĝin partoprenis ne malpli ol 1/2 da ĉiuj A-membroj de REJM.
La decidoj, kiuj koncernas statutŝanĝojn, elekton por la plej gravaj postenoj, eksigon el REJM kaj difinon de kotizsumoj, estas akceptataj per plimulto je 2/3 da ĉiuj konferencanoj. Ceteraj decidoj estas farataj je simpla plimulto de la voĉoj.
Plenrajteco de decidoj de nekvoruma konferenco devas esti konfirmita per (ret)poŝta voĉdonado inter ceteraj A-membroj dum 3 monatoj post fino de la konferenco.
4.6. Ajna voĉdonado povas okazi sekrete, se tiel decidos plimulto da konferencanoj.
4.7. REJM-konferenco:
a) akceptas kaj ŝanĝas la Statuton de REJM;
b) difinas ĉefajn direktojn de la agado;
c) konfirmas perspektivajn kaj jarajn laborplanojn de REJM;
ĉ) difinas kaj konfirmas ĉefajn REJM-postenojn kaj organizojn por REJM-reprezentiĝo, elektas REJM-komitaton kaj personojn por ceteraj postenoj, konfirmas aŭ aperigas laborgrupojn;
d) akceptas raportojn de la REJM-komitato kaj de ceteraj postenuloj;
e) decidas pri organizado de gravaj aranĝoj;
f) akceptas la kotizsumojn por la membroj kaj la subtenantoj de REJM;
g) difinas la jaran buĝeton de REJM;
ĝ) pridiskutas la problemojn de la movado;
h) decidas pri malmembrigo de la membroj de REJM;
ĥ) decidas pri transformiĝo aŭ malfondo de REJM.

**5. REJM-komitato. La Prezidanto. Komisiitoj. Reprezentantoj.**

5.1. Por plenumi la decidojn de REJM-konferenco kaj solvi aktualajn problemojn dumjare el A-membroj de REJM oni elektas REJM-komitaton, komisiitojn kaj reprezentanto(j)n de REJM en aliaj organizoj.
5.2. La Komitato estas centra plenuma kaj kunordiga organo de REJM.
5.3. REJM-komitato:
a) realigas, subtenas kaj kontrolas plenumon de decidoj de REJM-konferenco;
b) reprezentas REJMon en ĉiuj niveloj;
c) fiksas daton kaj lokon de REJM-konferenco kaj proponas ĝian programon;
ĉ) kune kun la kasisto difinas la kotizsumojn por la membroj kaj subtenantoj de REJM;
d) disponas pri fondusoj de REJM;
e) informas membrojn de REJM pri agado de REJM;
f) solvas aliajn aktualajn problemojn.
5.4. REJM-komitato, la komisiitoj kaj la reprezentantoj raportas pri sia dumjara agado en REJM-konferenco kaj per informorganoj de REJM, regule kunvenas (aŭ interkontaktas ajnrimede) kaj interŝanĝas informojn inter siaj membroj.
5.5. La kvanto kaj konsisto de la Komitato estas difinataj fare de REJM-konferenco.
5.6. Por kunordigi la laboron de la Komitato dum REJM-konferenco estas elektata la Prezidanto de REJM.
5.7. Ĉiuj enpostenigoj validas dum unu jaro.
5.8. En specialaj okazoj de la nepovo de iu postenulo plenumi sia(j)n funkcio(j)n, la Komitato per ajna rapida kontakt-rimedo elektas el-inter siaj vicoj aŭ el A-membroj "provizoran plenumanton", kiu funkcios ĝis la plej proksima REJM-konferenco.

**6. Laborgrupoj.**

6.1. Laborgrupoj kreiĝas laŭ iniciato de dezirantoj kunlabori pri iu temo kaj estas konfirmataj de REJM-konferenco kiel laborgrupo de REJM.
6.2. Laborgrupo povas esti kreita laŭ iniciato de REJM-konferenco el volontuloj aŭ komisi-

itoj por plenumi konkretan taskon, organizi REJM-gravan aranĝon ktp.
6.3. Membroj de laborgrupo en sia kunveno elektas unu aŭ kelkajn kunordigantojn, ellaboras laborplanon kaj, laŭbezone, laboran regularon.
6.4. Laborgrupo malfondas sin post plenumo de sia tasko laŭ decido de siaj membroj. REJM-konferenco povas malfondi laborgrupon, se la agado de la grupo ne konformas al la Statuto.

**7. Financoj de REJM.**

7.1. Financan bazon de REJM konsistigas:
a) membrokotizoj;
b) profito de entreprenoj kaj aranĝoj de REJM;
c) kotizoj de REJM-subtenantoj, subvencioj kaj aliaj neregulaj enspezoj.
7.2. Ĉiuj monrimedoj de REJM, krom apartigita far REJM-konferenco sumo por teknikaj kaj organizaj elspezoj, konsistigas la REJM-Fonduson.
7.3. Pri la utiligo de la monrimedoj de la Fonduso decidas REJM-konferenco.
7.4. Monsumo povas esti transdonita al la Fonduso por realigi konkretan programon. En tiu okazo la mono ne povas esti uzata por aliaj celoj.
7.5 Plenan respondecon pri la Fonduso havas REJM-komitato, kiu detale raportas pri la financa agado en REJM-konferenco.
7.6. La buĝeto de REJM devas esti prezentita en la informorgano de REJM kaj dum REJM-konferenco.
7.7. En la kazo de malfondo de REJM, la A-membraro decidas pri la sorto de la financoj de REJM.

**8. Ceteraj demandoj.**

8.1. REJM povas malfondi sin, se por tio voĉdonos ne malpli ol 3/4 da ĉiuj A-membroj.

---

Maristo renkontas piraton en trinkejo kaj ili vice rakontas siajn sur-ŝipajn aventurojn. Rimarkanta la artefaritajn kruron de la pirato, lian anstataŭ-manan hokon kaj la okulo-kovrilon kiun li portas, la maristo demandas – "Nu, kiel okazis ke vi gajnis tiun lignan kruron, kamarado?"
Respondas la pirato – "Ni estis prenitaj de terura, enorma ŝtormo ĉe Kabo Horna kaj giganta ondo forpelis min el la ferdeko en la oceanon. Mirakle, miaj kunuloj iel povis ĵeti ŝnuron al mi kaj ili eltiris min de la akvo – sed dum ili savis min, aperis aro de ŝarkoj kaj unu el tiuj fiŝaĉoj formordis mian kruron."
"Ĉu!" – diras la maristo – "Kaj kia estas la rakonto pri la man-hoko?"
"Aĥ, jes, tio.." – murmuris la pirato – "Ni estis invadantaj komercistan ŝipon, niaj glavoj kaj pistoloj estis ĉemane, kaj ni kuraĝe batalis kontraŭ la aliaj. Bedaŭrinde, kvankam mi mem mortigis almenaŭ dekdu virojn, mi supozas, mia mano estis fortranĉita."
"Ho, ve! Kia malbonaĵo!" – diras la maristo – "Kaj fine, klarigu al mi pri la manko de via okulo. Alia terura batalo, ĉu?"
"Fakte, ne. Mi lasis la okulon per enfalo en ĝin de meva fekaĵo."
"Estas nekredeble ke vi perdis vian okulon pro meva fekaĵo! Kiel tio povus okazi?" – la mirfrapita maristo eksplode diras.
"Nu, necesas ke vi komprenu, tiu tago estis mia unua dum kiu mi portis la hokon..."
*(esperanto-anekdot)*

# Eksciu, ke...

## TIĤVINA E-KLUBO FESTIS LA JUBILEON

La 21an de decembro tiĥvinaj esperantistoj kolektiĝis en la urba kulturpalaco por festi ne nur tradician esperantan feston – tagon de Zamenhof, sed ankaŭ 25-jariĝon de la Esperanto-klubo. Komencis renkontiĝon A.Belov, kiu rakontis iomete pri la historio de la fondiĝo de la klubo kaj tralegis gratulojn, kiuj venis per retpoŝto de V.Bespalov el Soĉi, A.Kogan el Kopenhago (li estis unu el la fondintoj de la klubo), de niaj eksterlandaj ĝemel-kluboj el Herouville St.Claire (Francio) kaj Lappeenranta (Finlando), de O.Kuznecov (Klin), N.Gudskov (Moskvo) kaj aliaj.



M.Bronŝtejn prezentis klubanojn de diversaj generacioj ekde tiuj, kiuj jam pli ol dudek jarojn restas membroj de la klubo, ĝis komencantoj. Bedaŭrinde forestis la plej malnova esperantisto de nia urbo N.N.Zverev, kiu komencis lerni Esperanton en la 20-aj jaroj. Dum la vespero ni rememoris la riĉan historion de la klubo, kiu sukcese organizis SEJTojn en 1976 kaj OkSEJTon en 1999, aktive partoprenas en landaj kaj internaciaj renkontiĝoj (ekzemple en UK en Montpeliero partoprenis 10 tiĥvinanoj). Sonis multaj varmaj vortoj, dediĉitaj al Mikaelo Bronŝtejn – animo de nia klubo, kaj speciale al tiu jubileo estis farita kompakt-disko kun 22 elektitaj kantoj de "Bruna Ŝtono". Kaj certe estis multaj diversaj ludoj, kiujn organizis Zoja Kaĉalova, kantoj (inter ili estis unu – speciale verkita por la jubileo), riĉa tablo kun multnombraj dolĉaĵoj. Ĉiuj restis kontentaj kaj dankis Esperanto-movadon pro la ebleco vivi pli interese.

***A.Belov (Tiĥvin)***

## EN ODESO ONI KALKULIS BIRDOJN

La 5-7an de Januaro, 2001 en Odeso pasis jam la tradicia, 2a junulara Renkontiĝo de e-istoj-naturamantoj "Kristnaska Birdokalkulo" (Kristnasko-2001). Estas kurioze, ke same tradicia iĝis nepartoprenemo en ĝi de tiuj "junaj, naturamantaj...". Eble, ili tute ne ekzistas, kaj tiu "enigma animo de esperantistoj" strebas ne al naturo, sed nur al kulturo? Sed ni odesanoj ĉiam estis nesubmeteblaj al ajnaj reguloj; eble, en "provinco apud maro" aero estas pli libera? Do, ni ŝatas la verdaĵon kaj

ofte vizitas ĝin; eĉ kiam ĝi estas nur virtuala, enburĝonigita. Kurte dirite, ĉi-foje ni organizis la renkontiĝon por ni mem, kaj mem ĝuis nian propran gastamecon. La tuta programo estis plenumita: ekskursoj al naturo, Vespero de sorĉaŭguroj kaj Intelektaj Ludoj kun "kutja" ktp. Ni kore kompatas ĉiujn nevenintojn. Ni komprenas viajn rimorsojn kaj postiĝintajn bedaŭrojn.

Sed ne ploru, ho karaj! Vi havas ankoraŭ eblon viziti nian neordinaran urbon kaj partopreni la plej neordinaran eventon, ODESAN JUMORINON! Odesa junulara Esperanto-klubo "Verdaĵo" organizas E-an renkontiĝon "Aprilaj ridetoj" dum la fama Odesa festivalo de humuro. Tempo: 31 Marto – 1 Aprilo, 2001 (eblas resti pli longe laŭ aparta interkonsento). Loĝado: 6 gr/nokto en infana turistejo en Arkadija (10 min perpiede de la plej bela odesa plaĝo). Aliĝkotizo: 10 grivnoj, pagenda surloke. Inkluzivas ĉiujn ekskursojn, vespermanĝon en la klubo ktp. Programo: vagado, gapado, partoprenado (kie eblas). Amika vespero en la klubo "Verdaĵo" kun nepraj odesaj Intelektaj Ludoj. Humura koncerto fare de gastoj. Urboludo. Kuru-kuru. Eventuala kamelrajdado. Ĉu ankoraŭ ion?!! Pri la detaloj kontaktu nin: rete ***<verda99@mail.ru>*** aŭ ***<zoo@Te.NeT.ua>***; telefone ***8-10-38-0482-23-38-31***; letere: ***Ukrainio, ODESSA, 65000, str.Dekabristov 16-1, Vera TINTULOVA.***

## UEA INSTIGAS AL ĜEMELURBAJ INTERRILATOJ

*La cirkulero de Universala Esperanto-Asocio al Esperanto-kluboj en Eŭropo*

Estimataj,

Dum la UK en Tampereo en 1995 oni akceptis kadre de Eŭropa Esperanto-Unio laborplanon por la Laborgrupo pri la Lingvoproblemo en Eŭropa Unio (EU). Ĝia paragrafo 13 pri ĝemeliĝoj tekstas jene: "Por pligrandigi la ŝancojn por la uzado de Esperanto kaj por montri ke komunikado pere de Esperanto facile funkcias, ĉiu asocio faru aranĝojn por realigi Esperanto-kontaktojn kadre de ĝemelaj rilatoj inter urboj, vilaĝoj, unuiĝoj, samfakanoj k.s. Multaj urboj aŭ vilaĝoj jam ĝemeliĝis sed la rilatoj plurfoje ne sukcesas aŭ nur dormetas pro la lingvo-problemo. Ofte troviĝas ambaŭflanke Esperanto-parolantoj. Asocioj veku tiujn fortojn kaj utiligu tiujn eblojn."

Ĉu en via urbo aŭ vilaĝo oni jam utiligas iumaniere Esperanton en rilatoj kun via(j) ĝemelurbo(j)? Se ne, ni instigas vin aktiviĝi tiurilate, ĉar temas pri bonega ebleco montri la utilecon de Esperanto en praktiko. Tute aparte tio eblas koncerne la rilatojn inter civitanoj, ĉar ĝis nun la ĝemelaj rilatoj ofte restis sur la nivelo de urbaj aŭtoritatuloj.

Bonega okazo por komenci tiun ĉi agadon estas la Eŭropa Jaro de Lingvoj (EJL) en 2001, kiu estas komuna iniciato de Eŭropa Unio kaj Konsilio de Eŭropo (KdE). Kadre de tiu jaro estas rekomendinde ke Esperanto-kluboj realigos projektojn de ĝemel-urba agado kiuj entenos la jenon:

1. Celo: konsciigi pri la riĉeco de la lingva diverseco; kuraĝigi plurlingvecon; plibonigi ĝemelajn rilatojn, specife la interkomunikadon por pli bone konigi siajn kulturojn kaj instigi diversecon; montri ke la lernado de Esperanto plifaciligas la lernadon de la lingvo de la ĝemelurbo.

La plej ofta E-gazeto "Eventoj", eldonata en Hungario, havis en decembro jubileon – aperis jam 200-a ĝia numero. Sincerajn gratulojn! Multaj E-periodaĵoj (ankaŭ nia REGo) povas nur revi pri tia jubileo.

2. Uzo de Esperanto kiel instrumento kaj ĝia instruado al civitanoj en la koncernaj urboj en 2001 (printempo ĝis aŭtuno);
3. Organizo de korespondado (letere aŭ/kaj rete) inter partoprenantoj;
4. Post la Esperanto-kurso ambaŭflanka interŝanĝo de vizitantoj, kiuj loĝu ĉe civitanoj de la vizitata urbo;
5. Financa subteno por tia agado verŝajne estos pli facile ricevebla, se oni provos elekti specifajn grupojn (ekz. sportistoj, muzikistoj);
6. Oni kontaktu universitaton aŭ altlernejon por esplori, ĉu la projekto interesas studento(j)n kiel temo de studlaboraĵo kaj ĉu ili eble povus helpi ankaŭ en alia maniero.

Oni nepre klopodu organizi la projekton oficiale, t.e. pere de la komunumo, kaj oni petu subvencion por ĝi. Oni klarigu, ke la lernado de Esperanto plifaciligas la lernadon de la lingvo de la ĝemelurbo. Oni atentigu, ke multaj civitanoj kun aĝo de pli ol 40/50 jaroj neniam havis ŝancon lerni fremdajn lingvojn. Ili povus lerni Esperanton kaj en malpli ol unu jaro atingi la kapablon paroli ĝin.

Por ĉiuj stadioj de la projekto oni povos peti subvencion: ekde la komencaj kostoj ligitaj kun la instruado (ekz. anoncoj en gazetoj pri la kurso, kostoj pro la ejo, honorario al instruisto) ĝis la kostoj pro la interŝanĝo de vizitantoj (ekz. pro luo de aŭtobuso aŭ aliaj veturkostoj).

Se via urbo havas ĝemelurbo(j)n, ĝi supozeble havas buĝeton por subvencii agadojn de civitanoj kaj iliaj organizaĵoj en tiu kampo. Eventuale estas tia buĝeto por internaciaj rilatoj ĝenerale, aŭ oni povus peti subvencion el buĝeto por edukado, kulturo, junulara agado ktp. Informiĝu pri diversaj eblecoj en via urbodomo! Jam tiu unua paŝo, informiĝo, estas pozitiva, ĉar ĝi montras al oficialuloj ke esperantistoj aktivas pri seriozaj agadoj kaj ne restas nur en sia fermita rondo. Esploru ankaŭ pri privataj fondusoj, kiuj subvencias kulturan kaj internacian agadon. Kutime ili anoncas pri siaj subvencioj en tagĵurnaloj sed vi povas informiĝi pri ili ekz. en via urba biblioteko.

La projekto povus fariĝi eksperimento, kiu instigus la ĝemelajn urbojn uzi Esperanton pli grandskale en postaj jaroj.

Ni deziras sukceson al via projekto kaj restos je via dispono por respondi viajn demandojn kaj doni konsilojn. Bonvolu ne forgesi informi nin ankaŭ pri viaj rezultoj kaj spertoj!

***Kun sinceraj salutoj, Osmo Buller, Hans Erasmus <uea@inter.nl.net>***

Konsultanto estas homo kiu demetas vian horloĝon de via brako kaj informas vin, kioma horo estas nun.
Psikologo estas homo kiu rigardas al ĉiuj aliaj, dum kiam bela junulino eniras ĉambron.
Profesoro estas homo kiu kapablas konversacii kun aliaj homoj, dum tiuj dormas.
Instruisto estas homo kiu iam opiniis sin ŝati infanojn.
Programisto estas homo kiu solvas problemon pri kiu vi neniam sciis, kaj per tia maniero, kiun vi ne komprenas.
Juristo estas homo kiu kapablas verki 10-paĝan dokumenton kaj nomi ĝin "konciza".

*(esperanto-anekdot)*

## BRONISLAV ĈUPIN RAKONTAS PRI VEGETARISMO

La homo ne estas naskita por manĝi viandon. Ĝia intestaro estas duoble pli longa ol tiu de rabobestoj. La homo estas fruktomanĝanta estaĵo. Kredeble iam delonge la homoj nutris sin per legomoj, fruktoj, beroj kaj aliaj manĝeblaj vegetaloj.

Tamen dum jarcentoj pro la kruelaj cirkonstancoj la homoj estis devigitaj manĝi viandon. Ili alkutimiĝis al tio kaj komprenis, ke vianda manĝaĵo estas bongusta. Tiamaniere viando iĝis bezonata manĝaĵo. La homoj komencis elpensi diversajn viandajn pladojn kaj alkutimiĝis nutri sin el la vidpunkto "bongusta". Sed bongustaj manĝaĵoj ofte estas neutilaj, kaj eĉ malutilaj. Por esti sana necesas nutri sin el la vidpunkto "utila". Se oni manĝas bongustan manĝaĵon, oni ofte tromanĝas.

Sed ne nur tromanĝado malutilas. Viandaj manĝaĵoj estas malbone digestataj en la homa stomako. Ili postulas multe da energio por tiu procedo. Do la homo manĝas por ricevi energion, sed reale la plej granda parto de la ricevita energio estas elspezata por digesti tiun ĉi manĝaĵon. Kaj dank' al tio la viandmanĝanta homo pli rapide malsatiĝas ol la vegetarano. Do manĝante viandan manĝaĵon la homo pli rapide satiĝas kaj pli rapide malsatiĝas.

Dum tri tagoj (2-4 januaro) en Iĵevska Domo de Kreado de Junaj (Дом Творчества Юных) funkciis tradicia ĉiujara Vintra Lernejo de infana socia organizaĵo НОУ (Научное общество учащихся) "Мысль", en kiu membras lernantoj el lernejoj, liceoj, gimnazioj de la urbo Iĵevsk.
Ĉi-foje en tiu ĉi lernejo funkciis ankaŭ la sekcio "Esperanto", kiun gvidis Bronislav Ĉupin. En la sekcio partoprenis lernantoj de 3-aj ĝis 11-aj klasoj, entute 55 personoj. Kun granda intereso ili aŭskultis informon pri la internacia lingvo, pri E-movado kaj ties rolo en vivo de hodiaŭa junularo. La rakonton bone ilustris ensemblo de internacia kanto, kiu plenumis en Esperanto kelkajn kantojn. Aliaj membroj de la klubo "Verda Elefanto" deklamis versaĵojn. La ĉeestantoj havis eblecon konatiĝi kun E-literaturo. La rezulto estis: pli ol dek ĉeestantoj tuj esprimis deziron lerni Esperanton. (*Bronislav Ĉupin)*

Se la homo sin nutras per vegetalaj nutraĵoj, ĝi ricevas potencan energion, ĉar por digesti tiujn nutraĵojn estas elspezata nur eta parto de la ricevita energio. Ĉu vi atentis, ke la viandmanĝanta homo post la satiga manĝado emas dormi? Tio okazas, ĉar la ricevita energio plejparte estas tuj elspezata por digestado. Sed vegetaranoj post la manĝado tuj pretas labori, ĉar ili sentas sin plifortigitaj.

Legomoj kaj fruktoj reprezentas la idealan kombinaĵon de seka substanco kaj fluidaĵo. Ili entenas sufiĉan kvanton da sukero kaj salo. Pro tio veraj vegetaranoj ne spertas bezonon aldoni sukeron kaj salon dum preparado de pladoj. Legomoj kaj fruktoj kreas puran, universalan, protektantan kontraŭ ĉio sangon, donas al ni la plej grandan forton kaj eltenkapablon kaj duonigas la tradician bezonon de dormo kaj ripozo. La praktiko atestas, ke la vegetaranoj malpli ofte malsanas, ili estas pli vivĝojaj, pli viglaj kaj pli longvivaj.

Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA) celas "disvastigi Esperanton inter vegetaranoj kaj vegetarismon inter esperantistoj en amika kaj aktiva kunlaborado cele al respekto de la Naturo kaj de ĉiuj vivantaj estaĵoj".

Al TEVA povas aliĝi ĉiu deziranto. En la asocio ne estas fiksita kotiza sumo, kaj la membroj faras liberajn mondonacojn unu fojon jare. La oficiala organo de TEVA estas "Esperantista vegetarano" eldonata en Romo unu fojon jare. Ĝi havas 44 paĝojn kaj estas riĉe ilustrita.

Esperantistoj kaj vegetaranoj havas kongruajn celojn. Vegetaranoj zorgas pri harmonio en la sanaj korpo kaj menso. Esperantistoj zorgas pri paco inter homaj rilatoj. Do ili ambaŭ solvas gravegan taskon: aranĝi pli bonan vivon sur la Tero. Pro tio esperantistoj-vegetaranoj agas sub la slogano: "Esperanto por vegetaranoj, vegetarismo por esperantistoj".

Pliajn informojn petu ĉe la landa reprezentanto de TEVA ***Bronislav Ĉupin (a/k 4831, 426061 Iĵevsk).***

## RUSIO OKUPIS LA DUAN LOKON EN KSM

Unu el la plej gravaj edukaj establoj de la Esperanto-movado, Koresponda Servo Mondskala de UEA, vigle servis la korespondemulojn ankaŭ en 2000, kiam ĝi ricevis entute 378 korespondpetojn el 53 landoj. La nombro de petoj tre varias de jaro al jaro – ekde 1993 inter 362 kaj 579 – depende de hazardaj pintoj en unuopaj landoj. En 1999 KSM ricevis 428 petojn.

Same kiel en 1999, plej multe da petoj venis el Francio, nome 80 (96 en 1999 kaj 70 en 1998). La duan lokon okupis Rusio kun 76 petoj. Ĝi ankau estas la lando, kie la nombro stabile kreskis: 38 en 1998 kaj 56 en 1999. La tria granda kliento de KSM estas Brazilo: 54 petoj en 2000, 39 en 1999 kaj 59 en 1998. Tiuj tri landoj senkompare distingiĝas disde ĉiuj aliaj: sur la kvara loko estas Senegalio kun 10 petoj, sekvata de Germanio, Hungario, Irano kaj Kubo kun po 9 petoj.

De 1990 KSM estas prizorgata de s-ro François Xavier Gilbert ***(B.P. 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio)***. Informilon kaj aliĝilon oni povas peti kontraŭ unu respondkupono. Por rekte ricevi adresojn de korespondemuloj, oni sendu du respondkuponojn kun detalaj indikoj pri si mem kaj pri la deziritaj korespondantoj. La retadreso de KSM estas **<ksmesperanto@aol.com>.** *(ret-info)*

---

Juna juda patrino preparas rostotan brustaĵon por sabata vespermanĝo. Ŝia filino rigardas la procedon kun intereso dum la patrino fortranĉas ambaŭ finojn de la brustaĵo antaŭ meti ĝin en la rostopaton. La filino demandas kial la patrino tiel faras. La patrino momente paŭzas, pensas kaj respondas: "Nu, mi ne certas, fakte. Tiel mia patrino ĉiam preparis la brustaĵon... Ni altefonu ŝin kaj enketu." Do, ŝi telefonas al la avino de la junulino. "Panjo, ni preparas la sabatan brustaĵon. Kial ni ĉiam fortranĉas la finojn antaŭ kuiri ĝin?"
"Kara, mi ne scias – mi neniam pensis pri tio... Tio estas la metodo kiun mia patrino ĉiam uzis por la sabata brustaĵo..." La filino kaj la patrino kaj la avino nun iĝas scivolemaj. Ili decidas viziti la 95-jaraĝan praavinon ĉe la maljunulejo.
"Patrino," – diras la avino, – "dum ni preparas la sabatan rostan brustaĵon, iam ni fortranĉas ambaŭ finojn antaŭ la kuirado. Kial ni tiel faras, patrino?"
"Nu,"- respondas la antikvulino, – "kiel mi povas scii kial vi tiel faras? Mi mem faris tiel ĉar mia rostopato ne estas sufiĉe longa." *(esperanto-anekdot)*

# LIBRA REVUO

## NIAJ PARDONPETOJ

La redakcio de REGo devas pardonpeti pro la nekorekta informo, publikigita en la n-ro 2(2). Ĝi koncernis aboneblajn E-gazetojn: okazis ke por kelkaj el tiuj (nome por la eldonataj de LF-kooperativo) la sola peranto en Rusio estas Halina Gorecka kaj la prezoj en la publikigita listo validas por la abono pere de ŝi. Por korekti la eraron ni publikigas la liston de la gazetoj kun la abonprezoj kaj la adreso de Halina Gorecka: **LA ONDO DE ESPERANTO** (145 rubloj); **RUSLANDA ESPERANTISTO** (30 rubloj, por la abonantoj de "La Ondo de Esperanto" – nur 15 rubloj); **ESPERANTO** (14 EUR); **HEROLDO DE ESPERANTO** (15 EUR); **JUNA AMIKO** (4 EUR); **KONTAKTO** (9 EUR); **LA GAZETO** (6 USD); **LA JARO** (5 EUR); **LITERATURA FOIRO** (14 EUR); **LITOVA STELO** (6 USD); **MONATO** (17.50 EUR); **TEJO TUTMONDE** (5 EUR).

Konvertu la dolaran aŭ eŭran abonprezon al rubloj laŭ la oficiala kurzo kaj aldonu 2% por kovri la diferencon inter la oficiala kaj banka vendokurzoj. La monon pagu al ***Галина Романовна Горецкая (620077 Екатеринбург-77, аб. ящик 67), retadreso <sezonoj@mail.ru>.*** Moskvanoj povas pagi al ***Оксана Юрьевна Костоусова, tel. (095) 4987212.***

## LIBRO LEG-ENDA PRI LA TEMPO LEGEND-A



***Vladimir Samodaj: Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM. Homoj kaj epizodoj. Eld. Impeto, Moskvo, 1999.***

Unu post la alia aperis du sufiĉe diversaj eldonoj de libro de Mikaelo Bronŝtejn "Legendoj pri SEJM" (tiu Mikaelo, kiu furoris dum la Tel-Aviva Universala Kongreso per aŭtoraj koncertoj kaj prelego). La aŭtoro uzis sian verkistan talenton por jen nostalgie, jen humure rakonti diversajn epizodojn pri la legendeca SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado), kiu en la post-Stalina periodo fariĝis alloga centro por miloj da junaj (kaj ne nur junaj) homoj.

En la jaro 1999 la iam juna Mikaelo iĝis 50-jarulo, kaj la eldonejo "Impeto" petis Vladimiron Samodaj, kunfondinton de SEJM kaj la aŭtoron de ĝia nomo, verki libron donace al Mikaelo. Vladimir Samodaj verkis pri la sama temo, sed malsame, iom pli sistemece, jen aldonante multajn novajn epizodojn, jen iom polemikante.

Parolante pri la Esperanto-mondo, la aŭtoro ne limigas sin pri SEJM, sed rakontas ankaŭ pri la altruda "patronado" (fakte kontrolado kaj premado) de la Movado fare de burokratecaj kaj sekurecaj organoj en Sovet-Unio en la 60-aj – 80-aj jaroj. Tiele oni fakte ekscias, kio longe estis ŝtataj sekretoj. Unuafoje aperas la

“absolute sekretaj” dokumentoj de Centra Komitato de Komunista Partio de Sovet-Unio pri la Esperanta movado, akceptitaj en la jaro 1978. Tio estas vere legenda!

Kvar ĉapitroj rakontas pri la elstaraj esperantistoj kaj ĉarmaj homoj, pliaĝaj amikoj de la aŭtoro (kiujn ankaŭ mi bone konis), Aleksej Verŝinin, Nikolaj Blaĵkov (ĉu vi scias pri lia busto de Zamenhof, troviĝanta en la urbocentro de Odeso?), Sergej Rublov (jes, tiu elstara tradukinto de fabloj de Ivan Krilov – sed ne nur!), Konstantin Gusev (majstro de poezia verkado kaj tradukado). Speciale interesaj estas la ĉapitroj pri la aŭtoro kiel redaktoro de multaj Esperantaj eldonaĵoj kaj partoprenanto de Universalaj Kongresoj de Esperanto. La libro parolas ankaŭ pri la ekstermovada vivo de la aŭtoro – tradukisto en pluraj arabaj landoj, redaktoro de la araba versio de la populara gazeto “Moskvaj novaĵoj” (ĉu vi memoras Esperantajn suplementojn al tiu gazeto? Ilin redaktis kaj preparis Vladimir Samodaj).

Tra la tuta libro estas dispersitaj belaj lirikaj (ne politikaj kaj ne movadaj!) poemoj de Vladimir Samodaj: li ja estas ankaŭ bona poeto, verkanta en klara (zamenhofeca) stilo (vidu, por ekzemplo, liajn versaĵojn en “Esperanta antologio” kaj “Vojaĝo en Esperanto-lando”).

Jen pecetoj el lia nova poemo “Aŭtuno venis”:

Aŭtuno venis. Jam la sesdek tria...
Vegetas mi, nek sobra, nek ebria,
Ĉar sobri mankas la kialo,
Ebrii – mankas la dezir’.
Zigzagas plue mia viv-realo...
Ĉu longe daŭros ĝia kurba ir’?
.................................
Plu vivas mi, pro lac’ duonebria...
Aŭtuno venis. Nur la sesdek tria...

Ŝmeljov Pjotr Nikitiĉ proponas por iu klubo donace dekjaran kolekton de la revuo “El Popola Ĉinio”. La adreso estas: str. Lermontova 6 – 25; Karabanovo, Vladimirskaja reg.; h.t. (09244) 51544.

Ricevinte la libron, mi tuj tralegis ĝin unuspire dum kvar horoj. La saman plezuron mi deziras al ĉiuj.

***Boris KOLKER (Monato, decembro 2000)***

## DATREVENOJ DE LA RUSIAJ E-POETOJ

La 18-an de decembro estis 100-jara datreveno de naskiĝo de **Nikolaj Vladimiroviĉ NEKRASOV**, fama, talenta rusa Esperanto-poeto, tradukisto, kritikisto, ĵurnalisto. Li naskiĝis en 1900 en Moskvo. Esperantiĝis en 1915. En 1918-1919 estis prezidanto de Tutruslanda Ligo de Junaj esperantistoj kaj redaktoro de “Juna Mondo”, en 1922 – kunfondinto de “La Nova Epoko” kaj ties kunredaktoro ĝis 1930. De 1923 estis membro de CK SEU.

Li speciale okupiĝis pri historio kaj kritiko de la Esperanto-literaturo, ideologio de la proleta revolucia E-movado, naciaj problemoj kaj kosmoglotiko (“kosmoglotiko” – tiel oni nomis interlingvistikon komence de la pasinta jarcento). En “La Nova Epoko” estis publikigitaj liaj skizoj pri originala Esperanto-literaturo, pri verkoj de Baghy, Bulthuis, Jung, Hohlov, Miĥalski, Deŝkin, Schulhof k.a. Kutime lia kritiko eliris el originala sociologia vidpunkto, tamen samtempe li multe atentis la lingvan flankon de la verkoj. Li tradukis multajn famajn rusajn poetojn: Puŝkin (“Eŭgeno Onegin”, “Kupra Rajdanto”), Blok (“Dekdu”, “Najtingala Ĝardeno”),

Balmont ("Blanka Cigno", "La mortaj ŝipoj"), Majakovskij ("Nubo en pantalono", "Suno"), Bezimenskij ("Socialismo") kaj multajn aliajn.

Li verkis ankaŭ multajn originalajn poemojn; la plej rimarkindaj: "Krono de sonetoj pri Esperanto", "Fablo pri gilotinŝraŭbeto", "Testamento de Satano", "Verda Flamo" k.a. En siaj poeziaj verkoj Nekrasov devenas de la rusaj poetoj-simbolistoj, precipe V.Brjusov, kaj speciale zorgas pri la stila lingva pureco.

En 1931 li kunfondis IAREV (Internacia Asocio de Revoluciaj Esperanto-Verkistoj), estis membro de Lingva Komitato. N.Nekrasov laboris kiel redaktoro en unu el moskvaj eldonejoj. Pro tute falsaj akuzoj (spionado, terorismo, organizo de komploto) li estis arestita fare de NKVD 11.02.1938 kaj pafekzekutita (kune kun Vladimir Varankin) 04.10.1938 en Moskvo.

Pro tuta manko de krimkonsisto li estis plene rehonorigita 26.11.1957. La vivo kaj agado de Nekrasov ankoraŭ atendas esploron. ***(NikSt)***

---

La 31-an de januaro 1891 en Moskvo naskiĝis **Nikolaj Ivanoviĉ HOHLOV**, unu el la grandaj rusaj Esperanto-poetoj. Li esperantistiĝis en 1905 kaj jam ekde 1909 aktive propagandis Esperanton. Li multe kontribuis al "La Ondo de Esperanto", "Konkordo", "Literatura Mondo", "Heroldo de Esperanto", "Esperanto" k.a., multe tradukis el angla, rusa kaj serbo-kroata lingvoj (de 1920 ĝis 1928 li loĝis en Jugoslavio).

Malgraŭ tio nemultaj liaj verkoj estis eldonitaj. Krom tradukoj libroforme aperis nur originala komedieto "La morto de la delegito de UEA" (Zagreb, 1924) kaj lia ĉefverko – versaĵaro "La Tajdo" (Köln, 1928); preskaŭ ĉiu el kvardek versaĵoj en la libreto estas vere majstra. Ordinare li verkis pli individuece, trovante sian inspiron en ĉia animstato kaj en simplaj travivaĵoj. Liajn versaĵojn karakterizas milda lirikismo, klara kaj simpla lingvo, senriproĉa ritmo kaj ĉarma muzikeco.

Li multe laboris ankaŭ en Literatura komisiono de SEU. Lia lasta artikolo pri "Preter la vivo" de J.Baghy sub kutima pseŭdonomo – Skito – aperis en kolekto "Arĝenta duopo". Hohlov mortis la 26-an de februaro 1953 kaj estis enterigita en Ostankina tombejo en Moskvo. *(**NikSt;** La biografio de N.I.Hohlov troveblas ĉe <nikst.boom.ru>)*

## LA REZULTO DE LIRO-2000

Je la Tago de Zamenhof en Jekaterinburg estis anoncita la rezulto de la tradiciaj belartaj konkursoj Liro-2000, kunorganizitaj de Urala Esperantista Societo (UES) kaj "La Ondo de Esperanto". La kvarpersona juĝ-komisiono (Aleksej Birjulin, Aleksander Korĵenkov, Viktor Kudrjavcev, Valentin Melnikov) ricevis 42 konkursaĵojn de 20 personoj el 11 landoj – Belarusio, Ĉeĥio, Finnlando, Hungario, Italio, Jugoslavio, Kroatio, Ruslando, Urugvajo, Ukrainio, Usono. La geografia reprezento estas la plej granda en la historio de Liroj.

ORIGINALA PROZO

Laŭreato: Zora HEIDE (Kroatio) pro "La reveno".

Laŭdaj mencioj: Grigorij AROSEV (Ruslando) pro "Nerekonebla"; Zecchn ARMANDO (Italio) pro "Komerca reprezentanto".

ORIGINALA POEZIO

Laŭreato: Grigorij AROSEV (Ruslando) pro "Cindra soneto", "Interparolo kun subkonscio", kaj "Viro de mia revo de mia viv'".

Laŭdaj mencioj: Helena MELNIKOVA (Ruslando) pro "Eks-promte", "Mi dum tuta nokt' hodiaŭ solas..." kaj "La penso"; Klara ILUTOVIĈ (Ruslando) pro "Kun kaj sen" kaj "Du aŭtunaj tagoj"; Ludmila ORAJEVSKAJA (Ukrainio) pro "Mezo de somero".

TRADUKA PROZO (Novelo de Anton Ĉeĥov "Sapogi")

Laŭreato: Miĥail MAĤNAĈ (Ruslando).

Laŭdaj mencioj: Aleksandr ULJANOV (Ruslando); Jozefo HORVATH (Hungario).

TRADUKA POEZIO (Poemo de Sergej Jesenin "Ustal ja ĵitj v rodnom kraju...")

Laŭreato: Aleksandr ULJANOV (Ruslando).

Dankon pro la partopreno! Gratulon al la laŭreatoj!

***Halina Gorecka (Jekaterinburg), sekretario de Liro-2000***

---

***"Ilustrita vortaro pri heraldiko" de Nikolaj Starodubcev*** estas aĉetebla ĉe la aŭtoro. La vortaro, eldonita en Donecko en 1996, estas en dura kolora kovrilo kaj enhavas 345 paĝojn. La libro havas enkondukon en la rusa lingvo kaj entenas 1005 heraldikajn terminojn en sep lingvoj: rusa, ukraina, angla, Esperanto, franca, germana, latina, kun indekso por ses lingvoj. La prezo kun la sendokostoj estas 80 rub. por rusianoj kaj 30 dolaroj por loĝantoj de aliaj landoj. La adreso estas ***str.N.Ostrovskogo 12 – 16, 340120 Doneck, Ukrainio; retadreso: <esperanto@postoffice.donbass.com>.***

**Aperis KD de Bronŝtein!!!**

Lige al la festo pri 25-jariĝo de la E-Klubo en urbo Tihvin aperis kompaktdisko "Iom da bono de Bruna Ŝtono" kun 22 elektitaj kantoj de nia la plej fama E-kantisto Mikaelo Bronŝtein, fondinto kaj animo de la klubo. Pliaj informoj ĉe ***Aleksandr Belov letere 187500, Leningrada reg., Tiĥvin 3-13-30 aŭ rete <belov@tihvin.spb.ru>***

## LITERATURA SUPLEMENTO AL "LA ONDO DE ESPERANTO"

Ĉiudecembre la abonantoj de "La Ondo de Esperanto" ricevas senpagan literaturan suplementon. Ĉi-jare "La Ondo" donacis al siaj legantoj ekzempleron de "Rusaj amnoveloj". Ĝi estas la kvina volumo en la libroserio "Rusa literaturo" post la libroj de Ĉeĥov, Turgenev, Lermontov, Lev Tolstoj (du) kaj Brjusov. En la libro estas tri noveloj: Anton Ĉeĥov. Pri la amo (Tradukis Aleksander Korĵenkov); Ivan Bunin. Rusja (Tradukis Grigorij Arosev); Vladimir Nabokov. Muziko (Tradukis Grigorij Arosev). Ruslandaj neabonantoj povas mendi la libron rekte ĉe la redakcio de "La Ondo" ***(RU-620077, Jekaterinburg-77, a/k 67)***, sendinte poŝtmarkojn kon-

Reago de s-no G.Dolgin (Usono) al la informo pri apero en Jekaterinburg de la libro "Rusaj amnoveloj": "Mi proponu tiun ĉi informon al iuj el miaj konatuloj, tamen persone mi ne mendu ĝin, kaj tute ne pro neglekto al tiu ĉi libro, aŭ des pli – al la rusa literaturo. La rusa klasika literaturo, ankaŭ la tradukita multlingve, satiĝis de l' eldonoj. Ĉiu e-isto povas dume legi ĝin en sia nacia lingvo. Samtempe la tiama Sovetia Esperanto-klasika poezio pereas pro la eldon-malsato. Kie

traŭ 10 rubloj (la sendokosto estas enkalkulita). La tuta libro (ankaŭ la rusaj tekstoj) estas legebla en la unikoda prezento en la retpaĝo <http://www.sezonoj.itgo.com/supl00eo.htm>.

***Halina Gorecka (Jekaterinburg)***

eblas almenaŭ legi Esperanto-poezion de V.Jeroŝenko, N.Hohlov, E.Miĥalski, N.Nekrasov, G.Deŝkin, K.Gusev, V.Samodaj… kaj de aliaj?"

## ALVOKO

***de Eldonejo KLEKS kaj EVA (Esperantlingva Verkista Asocio) al E-verkistoj.***

Eldonejo KLEKS de Georgo Handzlik (aperiganta la luksan "Nigran serion", en kiu fine de 2000 aperis *La Lada Tambureto* de *Günter Grass*) planas kunlabore kun EVA eldoni libron, kiu enhavos mallongajn rakontojn de nuntempaj e-verkistoj. La libro aperu por la Zagreba UK.

Ni invitas esperantlingvajn verkistojn kontribui al la libro per rakonto(j), ne pli longa(j) ol 7 tajpopaĝoj ĝis la 30-a de aprilo 2001. Ĉar en la libro aperos ankaŭ biogrametoj, sendu kelkajn informojn pri vi mem. La elekton de la rakontoj faros nome de Eldonejo KLEKS – Georgo Handzlik, kaj nome de EVA – Tomasz Chmielik.

Ni intencas aperigi pli-malpli 25 tekstojn. Se ni sukcesos pri la libro, ni ŝatus eldoni similajn rakontokolektojn por venontaj UK-oj. Ĉiuj aŭtoroj enirintaj la libron estos honorigitaj dum la Zagreba jarkunveno de EVA per la diplomoj kaj "verdaj laŭroj" de Eldonejo KLEKS. La kontribuojn bonvolu sendi al <handzlik@kleks.pl>. Ni kore invitas al kunlaboro.

***Georgo Handzlik, Eldonejo KLEKS, Tomasz Chmielik, redaktoro de la libro (ul. Jarzebinowa 3/30, 21-040 SWIDNIK, Pollando) (ret-info)***

## LA UNUA LERNOLIBRO POR UDMURTOJ

"Эсперанто. Калык куспо кылъя учебник" estas la unua lernolibro de Esperanto por udmurtoj. Ĝin verkis ruslingve konata aktivulo kaj E-instruisto Bronislav Ĉupin kaj tradukis en la udmurtan lingvon ĵurnalisto kaj esperantisto Aleksandr Laptev. La lernolibron eldonis en decembro 2000 "Ruslanda Esperantisto" (Jekaterinburg), dank' al subvencio de FAME-Fondaĵo (Germanio).

Ĉi tiu lernolibro estas aktualigita kaj perfektigita versio de la gazeta kurso de Bronislav Ĉupin, kiu aperis antaŭ kelkaj jaroj en junulara udmurtlingva gazeto "Ĝoĉbur" (Saluton). La okdekpaĝa libro enhavas 20 lecionojn kun multaj poeziaĵetoj. La nova lernolibro estas mendebla poŝte ***(RU-620014, Jekaterinburg-14, a/k 162)*** aŭ rete ***<sezonoj@mail.ru>.*** La baza prezo estas 4 eŭroj, sed esperantistoj en Ruslando povas aĉeti ĝin poŝte kontraŭ 19 rubloj (inkluzive de la sendokosto).

***Halina Gorecka (Jekaterinburg)***

## NOVA ELDONO DE "POCKET ESPERANTO DICTIONARY"

En 1992 aperis ĉe la pola lingvoeldonejo Lingua Publications la unua eldono de "Pocket Esperanto Dictionary", dudirekta poŝvortaro de la angla kaj Esperanto de d-ro Andrew McLinen. Kun pli ol 50 000 vortoj kaj esprimoj kaj praktika formato ĝi tuj populariĝis kaj rapide elĉerpiĝis. Nova eldono tamen estis prokrastita kaj la libro ne estis aĉetebla dum pluraj jaroj, ĉar anstataŭ represi d-ro McLinen preferis plivastigi ĝin. La dua eldono, kun 70 000 vortoj kaj esprimoj, ĵus aperis ĉe UEA. Ĝi

havas la formaton de Jarlibro, enhavas 8+406 paĝojn kaj estas aĉetebla ĉe UEA kontraŭ 15 EUR (triona rabato ekde 3 ekz.). *(ret-info)*

## OPINIO DE LA LEGANTO

Antaŭ kelkaj tagoj okuloj miaj en REGo kaptis artikol(et)on de la aŭtoroj kies kromnomo estas Ludovikoj Zamenhofoj. Vere, estas amuze tralegi tiun bubeskan replikon, sed min ne lasis ĝis nun unu penseto: eble necesus nin demandi: ĉu per infanbuŝo parolas la Vero? Nu, serioze, se forviŝi junularecajn ornamaĵojn, restas, laŭ mi, esence grava por hodiaŭa rusia/ruslanda/rusuja/rusistana movado demando – kie perdiĝis nuntempa Dalj (aŭ pli ĝuste – Bokarev)? Mi opinias, ke “junaj kapoj” per freŝaj okuloj vidas la situacion en Rusio. EGE MANKAS LA REVIZIITA E-VORTARO POR RUSLINGVANOJ! Mi speciale ne precizigas, pri kiu – E-rusa aŭ inversa – vortaro temas, ĉar ne tio gravas. Gravas, ke freŝbakitaj samideanoj preskaŭ ne havas eblecon uzi la MODERNAN lingvon. Mi ege estimas la laboron de Je.A. Bokarev. Liaj vortaroj estis giganta paŝo antaŭen, sed… Sed nun la vortaro aspektas iom arkaike, kaj bedaŭrinde ne povas plene esti uzata por novuloj. Mankas multaj vortoj (ekzemple – kredenco), multaj radikoj jam rajtas, laŭ mi, havi rimarkon pri arkaika aŭ nemoderna uzo de ili. Ankaŭ PIV-on havas ne ĉiu klubo kaj ne ĉiu e-isto. Eble iu protestos: ne eblas apriore apartenigi iun vorton al arkaismo aŭ historiismo. Eble li pravos, eĉ plej verŝajne lin subtenos plimulto de legantoj, sed tiam la demando pri “kredenco” restos ankaŭ poste aktuala por plimulto de novaj (kaj ne tre novaj) e-istoj. Pasintjare en la tutmonda e-movado aperas kelkaj elstaraj ekzemploj de vortaroj – Hejma vortaro estis la plej vendata dum la UK en Tel-Aviv, la araba-esperanto vortaro havis bonegan aprezon kaj ricevis premion de UEA. Daŭriĝas laboro kun reviziita PIV. Kial ni ne faru ion similan, mi eĉ diru – pli bonkvalitan? Ja estis bona iniciato de Igorj Galiĉskij, kiu eldonis sian teman E-rusan vortaron. Iam, antaŭ kvar-kvin jaroj mi aŭdis, ke zorgon pri nova vortaro prenis sur siajn ŝultrojn iu homo el Sankt-Peterburgo (*Boris Kondratjev – La red.*). Lastatempe sekvis informo el Ĉeboksari pri sama deziro kompili la vortaron. Sed dume neniu rezulto, eĉ skiza, videblis. Ĉu ni atendu plu?



***Liberespriman inform-amuzan gazeton “Akcento” eldonas en Lipeck Internacia Koresponda E-Klubo de Amikoj. Redaktas ĝin Timur Morgun. La adreso estas a/k 279, RU-398050 Lipeck.***

***Kun estimo kaj espero je justaj reagoj Sergej Beznosko. (Ĉeboksari)***

# KURTE

***"Ekzistas tia partio".*** En Donecko (Ukrainio) la novfondita partio kun la titolo Tutukrainia Partio de Paco kaj Unueco (TPPU) deklaris sian subtenon al la ideo enkonduki la lingvon Esperanto en la lernejoj kaj tiucele jam kunlaboras kun aktivuloj de Donecka E-klubo. La gvidantino de la partio s-ino Ljudmila Jankovskaja jam komencis lerni Esperanton kaj promesas rekomendi tion al la membroj de TPPU (pr. 15 miloj en 22 loĝlokoj de Ukrainio). La partio pretas kunlabori kun aliaj organizaĵoj kaj aktivuloj en diversaj landoj pri la deklarita celo. Bonvenon! La kontaktadreso: ***Nikolaj Starodubcev, TPPU, a/k 191, 83000 Doneck, Ukrainio; of.tel.: (062) 337-61-30; retadreso: <vpme@chat.ru>.*** Ni atendas viajn reeĥojn. Dankon! ***Nikolaj Starodubcev***

***Granda ondo de dumvivaj membriĝoj en UEA*** fine de decembro rezultigis, ke en la jaro 2000 UEA ricevis pli da novaj dumvivaj membroj ol en iu ajn jaro de post 1976, kiam la kotizo de dumviva membreco estis fiksita je 25-oblo de la kotizo de Membro-Abonanto. En 2000 UEA ricevis 34 novajn dumvivajn membrojn. La antaŭa rekordo (29) estis de la jaro 1979. Plej multe da novaj dumvivaj membroj venis el Francio kaj Germanio (po 5), Japanio kaj Usono liveris po 4, Brazilo kaj Britio po 3, el Nederlando venis 2 dumvivaj aliĝoj, kaj po 1 el Aŭstralio, Bulgario, Ĉinio, Hispanio, Korea Resp., Luksemburgio, Pollando kaj Vjetnamio. 23 el la aliĝintoj estas viroj, 11 estas virinoj. La plej juna naskiĝis en 1984, la plej aĝa en 1921. Fine de 2000 UEA nombris entute 899 dumvivajn membrojn. *(CO de UEA)*

"Panjo," ekkrias la netolerebla bubo, "ĉu vi ie vidis mian skribilon?"
"Sed jes, karuĉjo," – ŝi respondas pacience, – "vi metis ĝin sur vian orelon!"
"Aŭskultu, ne perdu al mi mian tempon! Diru al mi sur kiun!"
*(esperanto-anekdot)*

***La fotoj de lasta KEF*** videblas en **<http://www.esperanto.fi/kef2000.html>** (galerio) kaj libere utiligeblas por raportoj, novaĵoj ktp. (kun mencio pri fotinto, evidente). *(ret-info)*

***TV-programo "Ho! Feliĉulo",*** en kiu partoprenis Garik Kokolija, estis demonstrita 22.01.2001, je la 20.00 en la populara ukraina televida kanalo "1+1". Tre multaj ukrainiaj telespektantoj, kiel antaŭ unu jaro la rusiaj, povis ekscii pri Esperanto (se ĝis nun iu ne sciis) kaj iomete da pri esperanta movado. Do, okazis nemalbona reklamo, pro kio dankon al Garik, al Dibrov kaj ukraniaj televidaj funkciuloj (por informo: nun en Ukrainio ekzistas ukrainia varianto de la ludo, kiu nomiĝas "Unua miliono", sed ankaŭ ĉiusemajne oni montras rusian ludon kun malfruiĝo je unu jaro). ***(K.Demjanenko)***

***Festado de Zamenhof-Tago*** okazis la 17an de decembro en Kostroma E-klubo. Ĉeestis ĉ.15 homoj, inkluzive unu novulo. Geknaboj konkuradis en lingvoscio, prononcado, tradukado kaj deklamado. Ĵurio konsistis el tri malnovaj E-istoj kiuj venis familie, kun gefiloj. La plej juna estis Manjo, 7-monata. Plej aĝa – Oljga Neĉaeva (ĉ.45 jaroj, eksmembro de Minska E-klubo). La taskoj similis al la Lingva Olimpiko, sed estis pli facilaj. Venkintoj ricevis novajn librojn (vortarojn, legolibron, kantaron) kaj ĉokoladeton. Klubestro ekzamenis e-istojn pri la scio de Zamenhof-datoj, lia biografio kaj ankaŭ historio de E-movado, tutmonda kaj Rusia. Varman teumadon kaj babiladon akompanis ĥora kantado. Sonis gitaro kaj violo. ***(Aleksej Kuznecov)***

***La prezidanto de UEA, Kep Enderby***, lanĉis la ideon restarigi la oratoran konkurson por junularo, kiu estis konstanta aranĝo de UK en 1949-1974 jaroj kaj pasis laŭ regularo redaktita de prof. Ivo Lapenna. En 1960 prof. Lapenna donacis pokalon, kiun ricevis la gajninto de la unua premio. Intertempe la Estraro de UEA decidis prove organizi la konkurson en la Zagreba UK. Se la provo estos kuraĝiga, la konkurso fariĝos denove konstanta programero de UK-oj. La aĝlimo por la konkursantoj estas plialtigita al 30 jaroj konforme al la nuna aĝlimo de TEJO. En la konkurso estos tri monpremioj, egalaj al tiuj de la Belartaj Konkursoj. *(CO de UEA)*

---

Kompatindulo sidas en drinkejo, li aspektas vere mizera. De pli ol duonhoro li simple sidas tie, rigardante sian glason kvazaŭ li volus dronigi sin en ĝi.
Tiumomente eniras kamionisto kiu sidiĝas apud lin, rimarkas lian malfeliĉegan mienon, donas al li amikan frapeton surŝultran, prenas lian glason kaj fortrinkas la enhavon.
Vidinte ĉion ĉi, la mizerulo ekploregas...
“Nu, nu,” – tuj diras la kamionisto, “ne ploru pri tio, temas pri blageto. Mi ja pagos al vi alian glason. Mi faris tion nur ĉar mi vidis ke vi estas tiom malgaja...”
Kaj la alia respondas: “Ne, ne pro tio mi ploras. Hodiaŭ estas vere la plej malbona tago en mia vivo. Ĉi-matene mia vekhorloĝo ne funkciis, do mi alvenis malfrue al la laborejo. Mia estro estis kolerega, kaj li maldungis min. Kiam mi volis iri hejmen, mi konstatis ke iu ŝtelis mian aŭtomobilon, kaj la polico diris ke estas neniu indico, ke ili verŝajne neniam retrovos ĝin. Kaj evidente, mi ne havas kontraŭŝtelan asekuron... Do, mi iris hejmen per taksio. Poste mi konstatis ke mi lasis mian paperujon kun mia tuta mono en la taksio, kiu jam foriris. Enirante la domon mi trovis mian edzinon en la lito kun mia plej bona amiko. Do, mi eliris la domon, decidinte fini mian vivon. Mi eniris tiun ĉi drinkejon, kaj ĵus antaŭ ol mi povis mortigi min, vi alvenis kaj trinkis la venenon kiun mi estis trinkonta....” *(esperanto-anekdot)*



# CERBE KAJ KORE

*la rubrikon kompilas Valentin Melnikov*



Nia kluba bulteno siatempe dediĉis specialajn kajerojn al 90- kaj 95-jariĝoj de Sergej Rublov (1901 – 1979), unu el la plej rimarkindaj Esperanto-poetoj en nia lando – speciale se temas pri tradukado el la rusa. Lia stilo tuj rekoneblas laŭ nature simpla fraz-konstruo kaj flua melodieco. Ĉi-januare venas la centjara jubileo, kaj ni omaĝas tion per eseo de O.Kiseljova, kiu multe kontaktis la filon de la poeto. Vi legos ankaŭ kelkajn fablojn de I.A.Krilov en traduko de S.Rublov – ne la plej popularajn, sed tre aktualajn por nuna Rusio.

## SERGEJ RUBLOV 100-JARA

### Olga Kiseljova (Jaroslavl)



Laŭ mi gravas memori tiujn, kiuj estis antaŭ ni. Gardu ni en niaj koroj memoron pri niaj samideanoj. Eble post multaj-multaj jaroj sur la Tero iu rememoros ankaŭ nin. Kelkaj vortoj pri li.

Tio okazis la 14-an de januaro 1901 en Odeso. En neordinara tago (la unua tago de 20a jarcento laŭ "malnova stilo"), en neordinara urbo (Odeso ĉiam donacas al la mondo multajn talentajn kaj eminentajn homojn) antaŭ 100 jaroj naskiĝis nova homo. Ankoraŭ neniu sciis, kia kaj kio li fariĝos, kaj neniu sciis, ke tuta lia vivo estos ligita kun Esperanto...

La nomo de Sergej Grigorjeviĉ Rublov eble ne estas konata al vasta rondo de nuntempaj esperantistoj. Sed lia kolosa laboro meritas, ke ni ne forgesu tiun fenomenan homon. Sed kion ni scias pri li?

17-jara li konatiĝis kun la lernolibro de Zamenhof. Esperanto tiom impresis lin, ke li dum du semajnoj ellernis ĝin kaj ĝis la lasta tago estis arda esperantisto. Jam post kelkaj jaroj (1921-1929) li fariĝis unu el la gvidantoj de Esperanto-movado en Odeso. Li estis membro de Centra Komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU) de 1925 ĝis 1928 j.; en 1929 li fariĝis membro de Internacia Lingva Komitato, kie reprezentis Sovetunion.

Grandan sukceson havis lia lernolibro "Esperanto-rondeto", kiu ricevis favoran mencion de la Internacia Pedagogia Instituto (Svislando), kaj sur kies bazo en 1920-30aj jaroj estis eldonitaj kelkaj lernolibroj kaj du metodiklibroj ruse, ukraine, bulgare, germane kaj france. Krome, Sergej Grigorjeviĉ estas aŭtoro de Struktura, Laŭsona kaj Sistema vortaroj de Esperanto, kiuj restis en manuskriptoj, kaj multaj

prilingvaj artikoloj.

Sed unuavice li estas fama kiel tradukisto. Li partoprenis kolektivan tradukon de du romanoj. Odesaj esperantistoj tradukis la romanon de A.Bogdanov «Ruĝa Stelo» (1929). Krome estis farita, sed pereis la traduko de “Malvivaj animoj” de N.Gogol.

Sergej Grigorjeviĉ tradukis en Esperanton pli ol 600 poeziaj verkoj de brilaj rusaj poetoj: Puŝkin, Lermontov, Nekrasov, Jesenin, Tjutĉev, Fet, A.K.Tolstoj, Blok, Brjusov, Bunin, Balmont, Majakovskij kaj multaj aliaj, pli ol 50 aŭtoroj. Liajn tradukojn enhavas tri verskolektoj: “Per voĉo plena” de V.Majakovskij (1930), “Versoj elektitaj” de S.Jesenin (1965) kaj “Liriko” de L.Ukrainka (1971). Kaj certe, kiu ne scias brilajn fablojn de Krilov en traduko de S.Rublov? Tamen multaj el liaj tradukoj ankoraŭ atendas eldonon, lia heredaĵo meritas esti savita. Sed lasu por fakuloj juĝi pri kvalito de liaj tradukoj, tio estas aparta temo por parolo.

Hodiaŭ mi volus imagi, kia estis Sergej Grigorjeviĉ Rublov. Granda donaco por mi estis konatiĝo kun Vadim Sergeeviĉ Rublov, unu el du filoj de tiu ĉi fama tradukisto, kiu loĝas en Jaroslavl. Unuavice mi petis lin montri al mi fotojn. Io magia estas en tiuj antikvaj fotoj el komenco de la jarcento. Jen estas familia foto, malgranda Serjoĵa sidas sur genuoj de sia patrino... Jen ni vidas du fratojn en “maristaj” kostumoj... Jen nin rigardas juna gimnaziano... Kiaj estis tiuj homoj, kiel ili vivis, pri kio revis, pri kio ili pensis, al kio strebis?..

Sergej Grigorjeviĉ naskiĝis en familio de eminentaj kaj talentaj homoj. Lia prapraavo Jakov estis komisaro de Odeso dum pesto (1812 j.) kaj multon faris por sia urbo. Riŝelje, tiama urbestro, volis rekompenci lin, sed Jakov rifuzis kaj proponis uzi la monpremion por konstruado de malsanulejo, kiu ĝis nun troviĝas en Odeso. Memoron pri tiu homo ĝis nun gardas dankemaj odesanoj. Tio estas priskribita en la libro “La unuaj odesanoj”, eldonita okaze de 100-jariĝo de Odeso en 1894 kaj rakontanta pri multaj eminentaj personoj.

Lia patro Grigorij Jakovleviĉ batalis dum rus-japana milito, simpatiis al revolucia movado. Malpliaĝa frato de Sergej Grigorjeviĉ, Vladimir, estis konstrukciisto-mekanikisto. Pliaĝa frato Aleksandr estis fama medicinisto, li trafis en Usonon kaj dum la dua mondmilito strebis tie armeaniĝi por batali kontraŭ faŝismo, sed ne ricevis permeson. Nevoj de Sergej Grigorjeviĉ estis fizikisto kaj astronomo.

Kaj ankaŭ Sergej kreskis talenta. Li finis gimnazian kurson kun ora medalo. Lia patro, mem estante kemia inĝeniero, aprobis la deziron de sia filo okupiĝi pri kemio. Tiam aperis multaj malkovroj en kemio, kaj ĝuste kun tiu scienco oni ligis la estonton de la homaro. Sergej Grigorjeviĉ komencis lerni kemion en Odesa Industria Instituto, kiun li finis en 1924; poste li mem instruis en tiu instituto ĝis 1929. En 1929 li komencis labori en uzino de lakoj kaj farboj, gvidis la Centran Laboratorion, plenumis multajn esplorlaborojn, faris plurajn inventojn, publikigis sciencajn artikolojn. Pro sia granda laboro en 1964 li ricevis honoran titolon “Merita inventisto de Ukraina SSR”.

Li tradukis du librojn de fama sovetia mineralogo A.Je.Fersman, kunfondinto de moderna geokemio kaj tiama vicprezidanto de Sovetia Akademio de Sciencoj. Tio estis “La vojo al scienco de estonto” (1920) kaj “La kemio de Universo” (1925); ambaŭ libroj aperis kun specialaj antaŭparoloj de la aŭtoro por Esperanto-eldonoj.

Sergej Grigorjeviĉ estis ne nur talenta kemiisto. Ŝajnis, ke li estas talenta en ĉio.

Li interesiĝis pri ĉio kaj estis enciklopedie erudicia, malavare donacis al ĉiuj tion, kion li sciis. Li sentis bezonon lerni lingvojn. Ankoraŭ en gimnazio li ellernis la latinan kaj grekan, perfekte posedis la germanan kaj francan, sciis la anglan, italan kaj hispanan. Sed la plej ŝatata lia lingvo certe estis la rusa.

Sergej Grigorjeviĉ kun plezuro tradukis trezorojn de rusa poezio. Li strebis respeguli riĉecon kaj belecon de rusa lingvo kaj vidis, ke Esperanto povas tion. Li rimarkis: "Laŭ siaj poeziaj eblecoj Esperanto estas mirinda lingvo". Li opiniis, ke poezio estas muziko kaj tiun muzikon oni ne devas rompi. Kiel por tradukisto, por li gravis ekzakte respeguli la nuancojn, transponi harmonion kaj sonon de la verso.

Ŝatataj liaj poetoj estis Brjusov kaj Jesenin. Fine de 50-aj jaroj, kiam Jesenin estis malpermesita aŭtoro, malfacilis akiri liajn librojn, sed Sergej Grigorjeviĉ sukcesis tion. Kaj la plej ŝatata lia verkisto sendube estis Ĉeĥov, kies foto konstante troviĝis sur la tablo. Sergej Grigorjeviĉ havis plenan verkaron de Ĉeĥov kaj ofte kun plezuro relegis verkojn de sia ŝatata aŭtoro.

Sergej Grigorjeviĉ havis grandegan propran bibliotekon, al kiu envius ĉiu. Kaj certe por li estis agrabla misio aĉetadi librojn por uzina biblioteko. Li kun granda plezuro kunprenis la filon por kiu ĉiu vizito al librovendejo fariĝis vera neforgeseble interesega mirinda vojaĝo en la libran mondon.

Sergej Grigorjeviĉ interesiĝis ankaŭ pri arto kaj sian lokon en lia biblioteko okupis libroj de fama sovetia kritikisto kaj artesploristo I.Andronikov.

Sergej Grigorjeviĉ interesiĝis pri pentroarto kaj estis ofta vizitanto de famaj odesaj muzeoj: Galerio kaj muzeo de Okcidenta Arto. Eble ne ĉiuj scias, ke dum multaj jaroj li kun grandega ŝato kolektis poŝtkartojn kun reproduktoj de famaj bildoj. Tiu ĉi kolekto enhavis ĉirkaŭ 10 mil ekzemplerojn. Ĉiu estis kara por li kaj pri ĉiu bildo Sergej Grigorjeviĉ povis multon rakonti... kaj pri pentristo, kaj la historion de kreado de la bildo.

Mi volis rakonti ankoraŭ jen pri kio. La dua mondmilito pasis tra la koro de ĉiu rusa homo. Ne preterlasis ĝi ankaŭ tiun ĉi familion. Sergej Grigorjeviĉ ankoraŭ printempe de 1941 okazis en armea tendaro kaj poste komenciĝis la milito. Kiel ĉiu nia popolano, li sincere kredis al baldaŭa venko. Sed la sorto decidis alimaniere – dum longaj 5 jaroj li honore plenumadis sian devon en kemia taĉmento. Li estis vera patrioto kaj vera odesano, kaj certe lia ŝatata kanto fariĝis "Vi estas odesano ja, Miŝka!", tiu ĉi kanto helpis al li en malfacila minuto kaj varmigis lin.

Sergej Grigorjeviĉ ĉiam restis zorgema patro. Li zorgis pri evakuo de sia familio. Li zorgis pri la filoj kaj ĉiam interesiĝis pri ilia sano, pri iliaj lernejaj aferoj. Tio estas miraklo, sed li trovis eblecon sendi porinfanajn librojn, novjarajn ornamaĵojn.

La koro de tiu talenta homo ĉiam batis poezie. Dum la milito li komencis verki proprajn ruslingvajn versaĵojn. En liaj verkoj kvazaŭ tute ne ekzistis milito. Li ne volis kredi, ke ie aŭdiĝas eksplodoj kaj pereas homoj. Sergej Grigorjeviĉ rememoradis sian familion. Eĉ dum tiu malfacila tempo li rimarkis belecon de la naturo, sentis ke la Tero protestas kontraŭ milito kaj malgraŭ ĉio la vivo daŭras.

Post la milito Sergej Grigorjeviĉ ne plu verkis proprajn versaĵojn, sed revenis al Esperanto, al tradukado. Fine de 50-aj jaroj en Odeso renaskiĝis E-klubo kaj li fariĝis ĝia aktiva aganto. Li multe laboris kaj sur lia skribotablo ĉiam lumis lampo.

Sergej Grigorjeviĉ sufiĉe aktive korespondadis en la lastaj du jardekoj de sia vivo. Pordo de lia gastama domo ĉiam estis malfermita por amikoj, inter kiuj estis Verŝinin, Samodaj, Blaĵkov kaj aliaj.

Sergej Grigorjeviĉ tiom volis vivi, labori, li ankoraŭ multon povus fari. Sed kruela sorto por ĉiam forprenis lin de ni la 8-an de julio 1979.

Estas bonege ke li daŭriĝas en siaj talentaj filoj kaj nepoj. Bedaŭrinde neniu el ili estas esperantisto. Sed ni esperu, ke iu el liaj posteuloj esprimos seriozan intereson al Esperanto. Eble iu daŭrigos laboron de tiu ĉi homo, sen kiu oni ne povas imagi E-movadon, kiu tiom da tempo dediĉis al nia ideo, al nia internacia lingvo, al ĝia evoluigo kaj praktika uzado.

Sergej Grigorjeviĉ Rublov estas unu el tiuj "steloj", dank' al kiuj Esperanto neniam mortos kaj dank' al kiuj hodiaŭ ni havas eblecon rigardi la estonton.

---

## FABLOJ

*I.A.Krilov* *traduko de S. Rublov*

### LA NAJTINGALO KAJ LA AZENO

Azen' sin turnis kun parol'
al Najtingal': "Aŭskultu min, amiko!
Laŭ famo en kantad' vi majstras kun efiko.
Dezirus mi pri via rol'
mem juĝi, dum vi kantos ion –
ĉu bone majstras vi kantad-metion?"
Responde Najtingal' ekkantis por admir':
li klakis, fajfis kun inspir'
en plej diversa form', jen en trilado dronis,
jen mildis li en la sopir',
kaj kiel plaĉa ŝalm' malgaje unutonis,
jen per vibranta trem' subite li resonis.
Ekregis nun atent'
por la kantist' amata de l' Aŭroro.
Ekĉesis la zefir', de birdoj gaja ĥoro,
kaj kuŝis grego en silent'.
Paŝtisto kun admir' aŭskulti ĉion pretis,
kaj li nur por moment'
dum najtingala kant' al paŝtistin' ridetis.
Jen finis la kantist'. Azen' pri opini'
deklaris: "Vere, vi ne vantas,
kaj certe sen enuo kantas.
Sed tamen tre bedaŭras mi,
ke nian kokon ne ekkonis vi.
Vi multe en kantad' profitus,

se nian kokon plen-imitus”.
La malfeliĉa bird’, post tiu juĝ-deklar’,
forflugis en rapid’ trans montoj kaj kampar’.

## LA PORKO SUB LA KVERKO

La porko sub la Kverk-kolos’
per glanoj en abund’ regalon bonan havis,
kaj poste sub la Kverk’ ekdormis por ripoz’.
Post dormo kaj vekiĝ’ la Porko tute bravis
kaj grundon ĉe radik’ per la muzelo kavis.
“Por arb’ ĝi estas malutil’”, –
la Korvo diras laŭ konsil’:
“Se nudos la radik’, sekiĝo sekvos plena”.
“Sekiĝu ĝi”, – ekgruntas Pork’ sur ter’, –
“por mi la kverka sort’ ne estas ja ĉagrena.
Ĉu vivos kverk’ aŭ ne, ne gravas la afer’,
al mia bona stat’ ne povas ĝi utili.
Ekzistu glanoj nur, grasiĝas mi per ili”.
Al Pork’ respondas Kverk’: “Sendanka estas vi!
Se povus vi muzelon supren teni,
kapablus vi kompreni,
ke kreskas ĉiu glan’ sur mi”.

Per sia blind’ similas sensciulo:
por li scienco estas nulo,
ignoras li pri studo kaj esplor’,
sed manĝas fruktojn de scienc-labor’!

## LA SIMIO KAJ LA OKULVITROJ

Simio en maljun’ malbone tute vidis,
sed homa fam’ al ĝi konfidis
ke tiu malbonaĵ’ ne estas ja danĝer’
ĉar okulvitroj savas de sufer’.
Do vitrojn en abund’ akiri ĝi decidis,
ĝi turnas ilin por aplik’:
jen premas al la vert’, jen sur la voston metas,
jen flaras kun singard’, per lango jen leketas,
sed en rezult’ – nur nulo por efik’!
“Fiaĵo kia! Estas granda stult’
al homoj kredi en aŭskult’.
Pri vitroj onidir’ ja nur mensogo estis,
kaj mankas la util’ en tiu ĉi afer’” –
dirinte, la Simi’ ĉagrenon manifestis,
la vitrojn ĵetis ĝi al ŝtono en koler’,

kaj post frakas' nenio restis.

Por homa gent' ĝi estas la spegul':
jen bona aĵ' ekŝajnas kiel nul',
kaj ignorant' pri utilec' diskutas,
kaj se li estas altrangul',
do li eĉ persekutas.

Plensavu, Dio, nin de tia juĝantar'.

## LA RESPONDO

Estimataj legantoj!

Mi volus respondi al nia samklubano Mikaelo Povorin, kritikinta en REGo-2 mian versaĵon "Kiel versi?".

Mi volis diri, ke ajnaj, bonaj kaj malbonaj, rimitaj verkoj por ĉiuj estas tamen versaĵoj, kaj ne io alia, dum pri literatura ĝenro de senrimaĵoj, eĉ geniaj, oni diskutas. Kiel nomeblas, ekzemple, jena – miaopinie, brilega – verko de Igorj Sidorov "Ondo de penso":

Vespere
ĉe bordo de oceano
vi rigardas ondokuradon.
Vi pensas,
ke estas nur ondoj,
simplaj ondoj de oceano.
Tute ne.
Ondoj estas pensoj de oceano,
oceano estas granda cerbo de l' Tero,
dum Tero estas amata infano de Suno.

– ĉu versaĵo en prozo, aŭ lirika miniaturo, aŭ alia apudlimaĵo? La precizaj kriterioj mankas. Kiu legis "La ruanan hundon, kurantan laŭ marbordo" de Ĉ.Ajtmatov, tiu memoras la korŝirajn vortojn de la pereanta knabo al vento, ondoj kaj steloj – la belega poezio, tamen ĉu versaĵoj? Kaj kio estas la fama "Kanto pri negocisto Kalaŝnikov" de Lermontov? Ja ne kanto – la prozaĵo kantebla... Sed pri verkoj rimitaj neniu demandas, kio ili estas: memkompreneble, versaĵoj, kiuj povas esti verkitaj diverskvalite. Tamen ĉio ĉi, direble, ne gravas, kiam ni legas ion, verkitan bone. Simple se temas pri la literatura ĝenro, unuavice konsiderindas ekzakteco de ĝiaj limoj. Nur tion mi volis diri per la versaĵo, sed evidente mi ne sukcesis tion esprimi kompreneble, t.e. bone.

***Estimplene Klara Ilutoviĉ.***

## HI-HI KAJ HM...

# LA PUGO DE HANK

Ĉi-matene iu frapis ĉe mia pordo. Mi malfermis kaj ekvidis bone edukitan, bele vestitan duopon. La viro diris:

**John**: “Saluton! Mi estas John (Ĝon) kaj ŝi estas Mary (Meri).”
**Mary**: “Saluton! Ni volas inviti vin kisi la pugon de Hank (Henk) kune kun ni.”
**Mi**: “Pardonu, pri kio temas? Kiu estas Hank kaj kial mi devas kisi Lian pugon?”
**John**: “Se vi kisos la pugon de Hank, Li donos al vi milionon da dolaroj, kaj se ne, Li elfrapos el vi la tutan merdon.”
**Mi**: “Kio? Ĉu tio estas iu nova junulara amuzaĵo?”
**John**: “Hank estas milionulo kaj filantropo. Li konstruis ĉi tiun urbon. Li posedas la urbon. Li povas fari ĉion ajn, kion Li volas, kaj Li volas doni al vi milionon da dolaroj, sed Li ne povas tion fari antaŭ vi kisos Lian pugon.”
**Mi**: “Tio sonas stulte. Kial...”
**Mary**: “Kio vi estas ke vi dubas pri donaco de Hank? Ĉu vi ne volas ricevi milionon da dolaroj? Ĉu ĝi ne valoras malgrandan kison ĉe la pugo?”
**Mi**: “Verŝajne vi pravas, sed...”
**John**: “Do iru kaj kisu la pugon de Hank kun ni!”
**Mi**: “Ĉu vi ofte kisas la pugon de Hank?”
**Mary**: “Jes, konstante...”
**Mi**: “Kaj ĉu Li donis al vi milionon da dolaroj?”
**John**: “Ne. Vi ne rajtas ricevi la monon antaŭ vi foriros el la urbo.”
**Mi**: “Kial do vi ne foriros tuj el la urbo?”
**Mary**: “Vi ne rajtas foriri el la urbo antaŭ Hank permesos al vi, aŭ vi ne ricevos milionon da dolaroj kaj Li elfrapos el vi la tutan merdon.”
**Mi**: “Ĉu vi konas iun kiu kisis la pugon de Hank, foriris el la urbo kaj ricevis milionon da dolaroj?”
**John**: “Mia patrino dum jaroj kisadis la pugon de Hank. Ŝi foriris el la urbo pasintjare kaj mi certas, ke ŝi ricevis la monon.”
**Mi**: “Ĉu vi ne parolis al ŝi post tio?”
**John**: “Certe ne, Hank ne permesas tion.”
**Mi**: “Pro kio do vi kredas, ke Li vere donos al vi la monon, se vi neniam parolis al iu jam ricevinta ĝin?”
**Mary**: “Nu, Li donas al vi iomete antaŭ vi foriras. Vi povas plialtiĝi en via posteno, vi povas gajni malgrandan loterion, eble vi simple trovos dudek dolarojn en la strato.”
**Mi**: “Kiel tio rilatas al Hank?”
**John**: “Hank havas certan ‘influon’.”
**Mi**: “Pardonu min, tio tro similas al ĵetado de monero.”
**John**: “Sed tio estas miliono da dolaroj, do vi povas ĝui la ŝancon. Kaj memoru, se vi ne kisos la pugon de Hank, Li elfrapos el vi la tutan merdon.”
**Mi**: “Eble mi povus renkontiĝi kun Hank, paroli al Li, ricevi detalojn senpere de Li...”
**Mary**: “Neniu povas vidi Hank’on, neniu povas paroli al Li.”
**Mi**: “Sed kielmaniere vi kisas la pugon de Hank?”
**John**: “Ni sendas al Hank ‘aerkison’ kaj pensas pri Lia pugo. Aŭ ni kisas la pugon de Karl kaj li transdonas tion al Hank.”
**Mi**: “Kiu estas Karl?”
**Mary**: “Li estas nia amiko. Li instruis al ni ĉion pri kisado de la pugo de Hank. Ĉio,

kion ni devis fari, estis inviti lin kelkfoje al restoracio.”
**Mi**: “Kaj ĉu vi ekkredis liajn vortojn, ke estas Hank, ke Hank volas vin kisi Lian pugon, kaj ke Hank repagos al vi?”
**John**: “Ho ne! Karl havas leteron, kiun li ricevis de Hank antaŭ kelkaj jaroj; ĝi klarigas ĉion. Jen, vidu la kopion!”

**El la letero de Karl:**

1. Kisu la pugon de Hank kaj Li donos al vi milionon da dolaroj, post kiam vi foriros el la urbo.
2. Drinku alkoholaĵojn modere.
3. Elfrapu la tutan merdon el la homoj, kiuj ne similas vin.
4. Nutru sin korekte.
5. Hank mem diktis ĉi leteron.
6. La Luno estas farita el fromaĝo.
7. Ĉio parolata de Hank estas korekta.
8. Lavu la manojn post vizito al necesejo.
9. Ne uzu alkoholaĵojn.
10. Manĝu kolbasojn kun bulketoj, sen spicoj.
11. Kisu la pugon de Hank, aŭ Li elfrapos el vi la tutan merdon.

**Mi**: “Ŝajnas, ke ĝi estas skribita sur la papero de Karl.”
**Mary**: “Hank ne havis paperon.”
**Mi**: “Mi suspektas, ke la skribmaniero estas tiu de Karl.”
**John**: “Certe, Hank diktis la leteron.”
**Mi**: “Mi opiniis, ke neniu povas vidi Hank’on.”
**Mary**: “Antaŭ multaj jaroj Hank renkontiĝis kun kelkaj homoj.”
**Mi**: “Ŝajnas al mi, vi nomis lin filantropo. Kial do la filantropo elfrapas merdon el la homoj nur pro tio, ke ili diferencas?”
**Mary**: “Hank volas tion, kaj Hank ĉiam pravas.”
**Mi**: “De kie vi scias tion?”
**Mary**: “Numero 7: ‘Ĉio parolata de Hank estas korekta.’ Por mi tio sufiĉas!”
**Mi**: “Eble via amiko Karl inventis mem ĉion ĉi?”
**John**: “Ne! Numero 5: ‘Hank mem diktis ĉi leteron’. Krome, Numero 2: ‘Drinku alkoholaĵojn modere’, Numero 4: ‘Nutru sin korekte’ kaj Numero 8: ‘Lavu la manojn post vizito al necesejo’. Ĉiuj scias, ke tio estas korekta, do ankaŭ ĉio cetera devas esti korekta.”
**Mi**: “Sed Numero 9 estas ‘Ne uzu alkoholaĵojn’, kio kontraŭas al Numero 2, krome Numero 6 estas ‘La Luno estas farita el fromaĝo’, kio estas stultaĵo.”
**John**: “Numeroj 9 kaj 2 ne interkontraŭas, 9 simple klarigas la 2-on. Kaj pri la Numero 6: vi ne povas esti certa, ĉar vi ne estis sur la Luno.”
**Mi**: “Sciencistoj jam firme pruvis, ke la Luno konsistas el ŝtono...”
**Mary**: “Sed ili ne scias, ĉu la ŝtono devenas de la Tero, aŭ el la kosmo, do ĝi same povas esti fromaĝo.”
**Mi**: “Mi ne konsideras min eksperto, sed laŭ mi la teorio, ke la Luno estis ‘kaptita’ de la Tero, ne estas kredenda. Krom tio, nescio pri la origino de la ŝtono ne faras ĝin fromaĝo.”

**John**: “Jen! Vi ĵus agnoskis, ke sciencistoj povas erari, sed ni scias, ke Hank ĉiam pravas!”
**Mi**: “Ĉu?”
**Mary**: “Certe, el Numero 5...”
**Mi**: “Vi diras, ke Hank ĉiam pravas, ĉar tio estas skribita en la letero; la letero estas korekta, ĉar Hank mem diktis ĝin; kaj ni scias, ke Hank mem diktis ĝin, ĉar tio estas skribita en la letero. Tio estas ringita logiko, vi same povas diri ‘Hank ĉiam pravas, ĉar Li diras, ke Li ĉiam pravas’.”
**John**: “Vi kaptis la ideon! Estas tiom bone vidi, ke iu apuda komencas pensi Hankisme!”
**Mi**: “Sed... Ne, kion vi diris pri kolbasoj?”
**Mary**: ŝia vizaĝo ruĝiĝas.
**John**: “Kolbasoj, kun bulketoj, sen spicoj. Tio estas Hankisma. Ĉio cetera ne estas korekta.”
**Mi**: “Kaj se mi ne havas bulketon?”
**John**: “Neniu kolbaso sen bulketo. Tio ne estas korekta.”
**Mi**: “Kaj mustardo? Ketĉupo?”
**Mary** *aspektas terurigita*.
**John** *krias*: “Ne diru tion! Ĉiuj spicoj estas malbono!”
**Mi**: “Do granda telero da saŭco kun pecigitaj kolbasoj estas io nemenciinda?”
**Mary** *fermas la orelojn per la fingroj*: “Mi ne volas tion aŭdi-i-i-i! La la la, la la, la la la.”
**John**: “Tio estas abomena. Tion povas manĝi nur fiaj perversuloj...”
**Mi**: “Sed ĝi estas bona! Mi ĉiam manĝas tion!”
**Mary** *senkonsciiĝas*.
**John** *kaptas* **Mary** *kaj elportante ŝin, krias*: “Se mi scius, ke vi estas unu el tiuj, mi ne elspezus la tempon por vi! Kiam Hank elfrapos merdon el vi, mi estos apude, kalkulante mian monon! Mi kisos la pugon de Hank por vi, senbulketa mustardvoranto!”

*tradukis el la angla Aleksej Guljaev (Taganrog)*

---

Tri knaboj promenas dum varmega somertago. Ili preterpasas ĝardenon kun naĝbaseno, kaj vidas junan virinon kiu naĝas tute nuda. Kompreneble, ili haltas por rigardi. Subite, dirante nenion, unu el la knaboj forkuregas hejmen. Surprizite, la aliaj knaboj sekvas lin.
La sekvan tagon, same varman, ili denove preterpasas la ĝardenon, kaj denove vidas la junan virinon kiu naĝas nuda. Sed post kelkaj momentoj, kiel en la antaŭa tago, unu el la knaboj forkuregas hejmen. La du aliaj knaboj decidas fari ion pri tio.
La trian tagon, la juna virino ankoraŭfoje naĝas nuda. Sed kiam la unua knabo estas ekkuronta, la du aliaj kaptas lin ĉe la brakoj kaj demandas: “Kio estas ĉe vi? Ĉu vi ne ŝatas rigardi senvestajn inojn?”
“Tamen jes!”, – respondas la unua knabo, – “Sed mia panjo avertis min ke se mi tro longe rigardos tute nudan virinon, mi riskos transformiĝi en ŝtonan statuon... kaj mi sentas ke tio jam komenciĝas!” *(esperanto-anekdot)*

# PADO SUNEN

*la rubrikon kompilas Grigorij Arosev*

## Ivan Naumov

### ASOJ

Atenton al liaj manoj!
Al fingroj papiliantaj!
Atenton al liaj planoj,
Al movoj tiom mallantaj,

Al sulkoj tiom talentaj,
Okuloj – sukcene-kataj,
Mensogaj kaj elokventaj,
Al vangoj senraze glataj…

Vi ĉerpas informon ĉie –
El vestoj, gestoj, kutimoj,
Kaj nun vidos ĉion ĉi – je
Vekiĝ' de vetulaj timoj.

Sidiĝo al tiu tablo
Jam estis unua mispaŝo.
Ekplorus eĉ mem diablo
Je vido de via flaŝo,

De via flaŝo hontenda,
Kontraŭa al lia io.
Komprenu vi, tropretenda:
Stultulojn ne savas Dio.

Ja liaj kartoj asozas,
Ja li elradias kvieton!
Vi diras kvazaŭ almozas
Ke duobligas veton.

En la hazarda silento
Vi vokas vetulajn diojn.
Silento. Nur ĉambra vento
Dancigas grizfumajn striojn.

… Vesper' komenciĝis bele.
Nenio aŭgurus rompon.
Vi rolis brave, kruele,
Dufoje evitis trompon,

Kaj mem blufadis sukcese.
En kurta sed brila horo
Moneroj obliĝis pese,
Moneroj de orvaloro.

Kaj tiam vi lace-gaja
Eliris al nokta korto.
En freŝa obskuro maja
Rapide revenis forto.

Vi trinkis viskion skotan,
Bruligis cigaron kuban,
Prirevis ludon farotan,
Eksentis venkon senduban,

Babilis kun dommastrino –
Ekzemplo de plej-afablo,
Revenis. Kaj jen la fino
Ĉe tiu damnita tablo…

Li iom ordigas kartojn,
Indikas mireton brove,
Kaj esprimante bonfarton
Proklamas duoblon denove.

Vi haste kalkulas sumon –
Surtablas jam troa kromo.
La ludo faras brakumon
Al via somera domo.

Ĉevaloj, hundoj, bieno,
Trezoroj de l' familio
Jam kuŝas sur verda sceno.
Por ludo necesas plio.

La koro lepore saltas,
Jam pretas krevi en partojn.
Vi diras ke ludo haltas
Kaj petas malfermi kartojn.

Kvar asojn el liaj manoj
Kronumas paĝi-muzelo!
Vi svenas kaj al lontanoj
Forfalas el la fotelo.

… Jen knar'… kandela aromo…
Kaj vi – en ŝvita feliĉo –
Vin trovas en propra domo
Kuŝanta en lita niĉo.

Kiomas? Baldaŭas naŭo.
La naŭa vespere? Vere!
Rapidi sen ajna aŭo!
Vi vokas serviston severe,

Vestiĝas sen troa neto,
Forpelas postsonĝan penson –
Ja antaŭ bonŝanca veto
Ne indas priŝarĝi menson.

Ĉevaloj hufbatas prete.
Mantelo… Monuj'… Cilindro…
Kaleŝo ekstartas ĵete.
De sonĝo – ne pli ol cindro.

Salutojn al dommastrino…
Jam plenas! Jen loko vaka!
Popaŝe – al la destino…
Surprizo animataka –

Ja Li estas kontraŭulo.
Vi preskaŭ hipnote paŝas
Tra dolĉa cigarnebulo…
Li kvazaŭ la scion kaŝas

Pri la ekssonĝa finalo,
La lipojn langumas leke.
Kaj vi ridetas tra palo
Sen povo fuĝi reveke.

*07.10.99*

---

# Gennadij Gluĥov

## FABELA NOKTO

Ho, kiel belas nokt' en la tendaro!
Finiĝis jam koncertoj, ludoj, kursoj,
Ne sonas jam pian' en koncertejo,
Ne sonas ĉe la fajr' gitaraj kordoj.
Tendaron kovras nokta firmamento.
Tilio alta staras en aleo,
La ombro kaŝas mian etulinon,
Min ŝi atendas por la rendevuo.
Ŝi min salutas per la arda kiso,
Kaj mi esperas: ĝi ne restos sola…
Ĝentile mi subprenas ŝian brakon,
Ke mia brako estu apogilo.
Ni nerapide en ale' promenas,
Kaj super ni briletas stel' jubila,

Kaj preskaŭ flustre sonas Esperanto
El ŝiaj ĉarmaj lipoj. Mi apenaŭ
Respondas "jes" aŭ "ne", kaj nova frazo
Jam venas, kiel kuglo el mitralo:
Tre flue l' amatino babiladas!
Ni, babilante, venas al lageto.
Sunvarmo restas nokte en la akvo.
Jen niajn korpojn jam karesas ondoj,
Kaj mia karulin' feliĉe ridas.
Ŝi iom naĝas, jam laciĝas, kuŝas
Sur mia mano, kiel sur divano,
Vizaĝon al mi turnas, dolĉe kisas
Min per la sekaj, arde varmaj lipoj
Kaj flustras: "Kara, kion vi faraĉas?"
Logik' ne estas eco de virino.
Respondas mi per kisoj kaj karesoj,
Mi liberigas ŝin el naĝkostumo
Kaj levas ŝin en manoj al la steloj,
Mi ŝin dediĉas al anĝeloj noktaj.
La amatino ne plu volas kuŝi:
Jen staras ŝi – piedo sur manplato,
Simile al antikva statueto,
Kaj bele super lag' balete pozas,
Etendas brakojn ŝi al la ĉielo,
Jen klinas belan dorson, return-saltas,
Jen kvazaŭ saltus super ond' momente, –
Kaj vertikale venas en la akvon.
Mi kaptas ŝin sub ondoj, dolĉe kisas
Kaj helpas ŝin atingi bordan sablon,
Atendas milde ŝia ruĝa robo.
Aero freŝa igas ŝin tremvibri,
Mi bone ŝin varmigas brakumante.
Ŝi dankas ĉarme min per la rideto,
Brakumas ankaŭ min kaj arde kisas,
Kaj ambaŭ ni ne emas pluparoli…

Dum vintraj noktoj, kiam mankas dormo,
Sopiras sola mi ĉe la fenestro,
Kaj rememoras pri feliĉa rido,
Pri bril' pasia en okuloj ŝiaj,
Pro la pasio tute nova voĉo,
Pri vortoj ŝiaj: "Mi vin amas, amas!"

Fabelas nokto en Esperantujo!

## Garik Sukaĉjov tradukis Grigorij Arosev

Monato majo varmas tre, varmas tre, varmas tre.
En blanka kruĉo – nigra te', nigra te', nigra te'.
Kartludas viroj ĝis mallum', ĝis mallum', ĝis mallum'.
Kaj gaje frapas kalkanum', kalkanum', kalkanum'.

En parko fajfas najtingal' de tagmez' ĝis meznokt',
Najbare ploras kolonel' – jen ĉagren', kia ŝok':
Ne volas edziniĝi ŝi al povrul'-kolonel',
Eĉ se li estas la hero' – luktis li en ĉiel'.

Hurlaĉas katoj sub fenestr' de meznokt' ĝis tagmez',
Pro ties krioj falas pluv', varma pluv' – ho frenez'!
Inflamas kore mia urb' – bela plej sur la Ter'.
Kaj ventoj ĉirpas sen zorgem' super Moskvo-river'.

En kruĉo jam malvarmas te', kaj cindriĝis cigar',
Pro rimabundo pezas tre la anim' – jen koŝmar',
Ja kalkanumoj frapas plu, krias maj', belas viv',
Jen viroj, katoj, varma pluv' – venu vi, venu vi.
Ja kalkanumoj frapas plu, krias majo sen fin',
Donacos Moskvon mi al vi – mi atendegas vin!

La 30an de decembro 2000 en la urbo Tomsk geedziĝis du konataj al multaj gesamideanoj kaj aktivuloj de la movado: Jelena Kataeva kaj Grigorij Arosev. La nova familio ekloĝis kaj pluaktivos en Moskvo. Korajn gratulojn en la nomo de REGo!



> **Atenton!**
> Tiu ĉi numero de REGo estas la lasta dissendata senpage. La sekvan numeron ricevos nur REU-membroj, REJM-membroj kaj la pagintoj de abonkosto por 2001.

Ĉu vi memoras tiun faman presejon? Ni opinias ke ne, sed ĝuste en tiu presejo aperis la Unua libro de Zamenhof. La libron memoras (ni kredas) ĉiu el vi, sed la eldonanton ne, ve. Kaj la REU-spertuloj, konsiderante sorton de s-ro H.Kelter, decidis eldoni ion bezonatan, sed ne tre. Por la eldonaĵo ne ombru la helajn kapojn de eldonistoj. Do, ili decidis eldoni E-lernilojn kaj diversajn librojn asistajn por E-instruado. Por momento ili enspiris libere kaj preskaŭ feliĉe, sed... Ĉiam aperas la aĉa "sed". Do, la trian helan kapon vizitis demando: kiun lernolibron eldoni. Laŭ nia opinio, la tria kapo estis iom superflua, ĉar ĉio jam estis tre bele. Tamen la estraro ĝuste pro tio nomiĝas estraro, ĉar kutimas estrari, t.e. solvi ĉiun problemon. De komence necesas danki tiun, kiu ricevigis al REU la monon. Dirite – farite, kaj jen ni povas aĉeti libron de s-ro N.L.Gudskov "Faktoj kaj kurtaj informoj pri Esperanto". Certe per unu libro neniu povas konservi sian spuron en historio, kaj la estraro eldonis lernolibron de Junusov kaj reeldonis la E-rusan Bokarev-vortaron. Tamen ni ne opinias, ke la eldonaferoj estas apogeo de nia estimata gvidantaro. Tute ne, ja la librojn necesas vendi. Verdire ni ne opinias, ke eldonado de la lerniloj estas vana afero. Verŝajne troviĝus iu persono, kiu almenaŭ ekscius pri Esperanto dank' al la libroj. Sed al tiu persono necesas la libron iamaniere enmanigi. Eblas la librojn disdoni al bibliotekoj kaj tie ĝin (teorie) povas uzi ĉiu deziranto; eblas la librojn prezenti dum iu foiro ekz. la Moskva libra foiro; eblas simple vendi ilin en diversaj librovendejoj. Sed la eldonantoj elektis la plej spritan vendmanieron. Ili komencis vendi la lernolibrojn de Esperanto inter esperantistoj, t.e. inter homoj kiuj jam (plej verŝajne) legis iun lernolibron de Esperanto kaj ĝuste pro tio estas nomataj esperantistoj.

Estas konata ŝerco, ke ĉiu sperta esperantisto iam nepre devas eldoni sian propran lernolibron de Esperanto. Ni ne volas nepre diri, ke multaj lernolibroj estas malbone. Sed estas domaĝe, ke la maloftega okazo eldoni iun vere BONAN libron en Esperanto, estas fuŝita. Ne kulpas Junusov aŭ Gudskov, kies libroj estis eldonitaj. Ne kulpas aliaj verkistoj, kies libroj ne estis eldonitaj. Kulpas REU, mallertege uzinta la monon.

Fine ni volas demandi vastan esperantistaron: Ĉu iu povas imagi, kion REU eldonos post la proponita UK?

Moroze viaj

Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj <zamenhofoj@mail.ru>

# Ĉu vi ne forgesis aĉeti la bileton al St.Peterburgo?



la jaro 1999, Kievo, EoLA-11: Handzlik, JoMo, Kokolija, Soroka




***Se vi tion ne faros, vi bedaŭros dum tuta resto de la vivo. Ĉar vi perdos unikan ŝancon:***

- aŭskulti la kantojn de ***Georgo Handzlik, JoMo, Mikaelo Bronŝtejn, Pavel Korotenko, Mikaelo Povorin, Maŝa Koĉetkova, Andrej Obrezkov, Ljudmila Titova, Grigorij Arosev, Sergej Bozin, Nina Djomuŝkina, Oĉjo Dadaev, ensemblo de Tiĥvina E-klubo, peterburgaj "Eterna muziko" kaj "Blua ponto";***
- paroli kaj diskuti kun UEA-estrarano Kalle Kniivilä, REU-estraro en plena konsisto, REJM-komitato, Anatolo Gonĉarov, Mikaelo Lineckij, Viktoro Aroloviĉ, samideanoj el Francio, Jugoslavio, Kroatio, Nederlando, Pollando, Svedio kaj pli ol cent geamikoj el Rusio kaj Ukrainio;
- ĝui neforgeseblan etoson de la plej bonaj rusiaj E-renkontiĝoj kun lacigaj tagoj, artaj vesperoj kaj sendormaj noktoj;
- ĝojkrii ĉe la renkonto kaj ploreti ĉe la adiaŭo!



la jaro 2000, Nab.Ĉelni, EoLA-12: dancas la ĉeboksaranoj

***REGo*** **(Rusia Esperanto-Gazeto)** ***№ 1 (3) februaro 2001***

*komuna eldono de REU kaj REJM*

*redaktas Garik Kokolija retpoŝto <kokolija@rambler.ru>*

*telefonnumeroj +7 (095) 5677007, 7524792*

*por tiu ĉi numero kunlaboris*

*Viktor Aroloviĉ, Grigorij Arosev, Oleg Kuznecov*

*la gazeto estas presita en la tipografio "Policvet" (u.Klin)*

abontarifoj por 2001:

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 60 rubloj sendendaj al*

**Георгий Владимирович Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 123310 Москва**

*por loĝantoj de aliaj landoj – 10 eŭroj pagendaj al la konto* kklg-r *ĉe UEA*